XXV-a jaro. N° 343 (3) Monata Marto 1929

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.



## Frankfurta Konferenco dum Pasko

Post kelkaj tagoj malfermiĝos en Frankfurt la Internacia Konferenco pri Turismo kaj Reklamo. Ni kore esperas ke multaj esperantistoj ĝin partoprenos kaj montros al ceteraj konferencanoj kiel Esperanto funkcias parole. Ili miros pri la jam granda disvastiĝo de nia lingvo en Turisma reklamo, konstatebla en la ekspozicio, kiun UEA organizos tie kun ICK. Kiel ni jam diris kaj ripetos senlace, uzo de Esperanto en tiuj okazoj estas nia plej urĝa tasko. Ĉiuj devas puŝi la radon.

# Edukista Mondkongreso

Antaŭ du jaroj okazis en Toronto, Kanada ĉefurbo, la granda kongreso de la Tutmonda Federacio de Edukistaj Asocioj, aparte potenca en Ameriko. Al tiu grava kunveno ICK kaj UEA delegis S-ron Hetzel, el Filadelfio, kiu sukcese pledis por nia lingvo kaj akceptigis rezolucion favoran al nia ideo *principe*.

Nun venas la momento transpasi de la *principo* al la *praktiko*. Proksiman someron, la 25 Julio de la nuna jaro, tiu ĉi vastega kongreso (3.000 homa) rekunvenos, ne en Ameriko, sed en Ĝenevo, la sidejo de nia Asocio kaj de ICK. Inviton partopreni en la Honora Komitato kaj prezenti al la kongreso raporton pri Esperanto kiel pacedukilo mi konsideris nepran devon akcepti, sed tio estas malmulta. Multe pli grava estas la fakto, ke Esperanto ludos oficiale la rolon de nura traduklingvo en pluraj kunsidoj, speciale en tiuj pri pacedukado de la infanoj kaj eble en tiuj pri preparo de l'infanoj al laboro. « Tiamaniere la kongresanoj havos okazon mem konstati pri la valoro de tiu lingvo kiel helpa internacia lingvo » diras la oficiala programo.

En tiel vasta kongreso, la tuta laboro estas dividita en diversaj sekcioj pri apartaj temoj (pedagogiaj, profesiaj, bibliotekaj, moralaj, medicinaj, k.t.p.) en kiuj laboros kelkcentoj da kompetentuloj. Havigi lertajn Esperanto-tradukistojn por ĉiuj sekcioj estus tre malfacile. Ankaŭ malfacile estus certigi sufiĉan partoprenon de esperantistoj en ĉiuj sekcioj. Tial plej saĝa estas la aranĝo laŭ oficiala programo: « En unu el la sekcioj aŭ po unu kunsido en pluraj sekcioj, la traduklingvo estos Esperanto. » En la ĝenerala regularo por la kongreso estas dirite, ke en ĉiuj sekcioj la traduklingvo estos elektita laŭ la preferoj de la plimulto da aliĝantoj al tiu sekcio.

Kompreneble granda nombro da Amerikanoj partoprenos kaj la angla lingvo regos grandan parton de la kongreso, sed estos por ili tre interesa kaj instrua demonstracio, se ili vidas almenaŭ unu viglan sekcion, kie Esperanto kreas unuecon *en egaleco* inter kongresanoj de plej diversaj nacioj, grandaj kaj malgrandaj.

Ankaŭ tre utile estos, se la kongresa ekspozicio ricevos belan dokumentaron pri internacia korespondado de infanoj per Esperanto.

La tuta sukceso aŭ malsukceso de tiu entrepreno dependas nur de tio, ĉu venos sufiĉe da esperantistaj partoprenantoj. Ĉu mi rajtas esperi, ke multaj instruistoj kaj edukemaj parencoj, legintaj ĉi tiun artikolon, bonvolos ekzameni serioze la aferon sentante kiom grava kaj urĝa estas nia devo tie? La loka organizantaro ĉirkaŭ Profesoro Bovet en Ĝenevo lernas la lingvon por bonvenigi kongresanojn ankaŭ en Esperanto. Ni faros nian plejbonon por havigi taŭgajn tradukistojn. Ĉu vi faros vian eblon por veni aŭ instigi amikojn, intereseblajn?

La enhavo de la kongreso valoras la vojaĝon, kaj malkara loĝado estos organizata. Ĉar la pli aŭ malpli vasta uzo de Esperanto estos decidita laŭ la aliĝoj, ni petas tuj averti nin pri intencoj veni.

Se ni forte kredas je la influo de l'edukado por la plibonigo de l' mondo kaj ankaŭ je la potenca rolo de la Zamenhofa lingvo en tiu preparado de la tutmonda homidaro, ni faru ĉion por sukcesigi tiun paŝon. *Nobleco devigas.*

Cetere ni estas esperantistoj ĝuste ĉar ni estas *homoj* kaj eĉ esperemaj homaranoj. Ĉiuj sentas la urĝan taskon alformigi la edukadon de la estontaj generacioj al la novaj bezonoj kaj sopiroj de la mondo, baraktanta por elŝiriĝi el la teruraj ĉenoj de milito kaj buĉado.

Konatiĝo kaj fratiĝo inter la edukistoj de ĉiuj landoj estas esenca elemento por tiu mondpreparado. Se ni volas lernigi kaj sentigi al niaj infanoj novan manieron rigardi najbarojn kaj novan manieron konsideri la devojn de sia nacio al la pli vasta komunmondo, tiam ni deziras havi tiun certecon kaj kuraĝigon, ke ankaŭ la ceteraj faras same.

Ke nia lingvo bonege helpas tiun reciprokecon, tion ni vidis en Praha antaŭ du jaroj kaj en Hago lastan someron. Nenio pli ĝojigus la koron de nia Majstro ol senti Esperanton efektive plenumanta sian intencitan taskon. Sed ĉiuj devas puŝi la radon.

Edmond PRIVAT.

# OKCIDENTO KAJ ORIENTO

## Tolstoj al Gandhi

En la revuo « Europe » la fama homarana verkisto Romain Rolland publikigas rimarkindan studon pri Tolstoj kaj Azio. Ĝi estas tiom pli interesa ke ĝi tuŝas ankaŭ la personon de Gandhi, la gvidanto de granda parto de la publika opinio en Hindujo. El ĝi ni citos du leterojn de Tolstoj kiel valorajn dokumentojn.

En 1847, kiam li estis 19 jara, Tolstoj kuŝis en malsanulejo de Kazan. Lia litnajbaro estis budhista pastro (lamao) grave vundita de ia bandito. Tie Tolstoj ricevis la unuan ekscion pri la leĝo de ne-rezisto, kiun li post tridek jaroj retrovis tiel profunde. En 1896 li legis kun fervoro skribaĵojn de Vivekananda kaj ĝuis la interparolojn de Rama Kriŝna. Pro lia apostoleco de l'spirito de amo kontraŭ la spirito de perforto pluraj Hindoj jam konsideris Tolstoj kiel reinkarnitan Riŝi, veran spiritan gvidanton.

En 1908 Tolstoj ricevis leteron de C. R. Das, kiu pli poste fariĝis la politika ĉefo de la hinda sendependista partio batalanta por Svaraĝ (memrego) per revoluciaj rimedoj.

Tolstoj respondis per longa letero por defendi sian ideon pri Ne-rezisto kaj Amo citante multfoje Kriŝna: « Oni rajtis esperi, skribis Tolstoj, ke en la vastega mondo bramano-budista kaj konfuciana, tiu nova scienca mensogo ne havus lokon kaj ke la Ĉinoj, Japanoj kaj Hindoj, kompreninte la religian mensogon, kiu praviĝis perforton, sukcesus rekte alveni al la leĝo de amo, propra al homaro kaj tiel brile proklamita de la Majstroj de l'Oriento. Sed superstiĉo pri scienco, kiu anstataŭis tiun de religio, pli kaj pli disvastiĝas en Oriento... »

« Vi diras ke Angloj sklavigis Hindujon ĉar Hindujo ne sufiĉe rezistas al forto per forto ? Estas ĝuste male. Ke Anglujo sklavigis la Hindojn, tio okazis nur ĉar la Hindoj konsideris kaj ankoraŭ konsideras perforton kiel fundamentan principon de sia socia organizo. En la nomo de tiu principo ili submetiĝis al siaj reĝetoj. En ĝia nomo ili batalis poste kontraŭ ili, kontraŭ Eŭropanoj, kontraŭ Angloj... Komerca kompanio — tridek mil homoj, eĉ malfortaj homoj — sklavigis popolon ducent milionan! Diru tion al homo libera el antaŭjuĝoj! Li ne komprenos kion tiuj vortoj povas eĉ signifi... Ĉu ne aperas evidente ke, laŭ la ciferoj mem, ne la Angloj, sed la Hindoj mem sklavigis la Hindojn? Homo devas vivi harmonie kun la leĝo de amo, propra el sia koro kaj entenanta la principon de Ne-rezisto kaj Ne-Partopreno al ia ajn perforto. Tiam ne nur cento da homoj tute ne povus sklavigi milionojn, sed eĉ milionoj ne povus sklavigi unu. Ne rezistu al malbono kaj ne partoprenu en ĝi, nek al devigo de l'regado, de l'tribunaloj, de l'impostoj kaj ĉefe de l'armeo. Tiam nenio kaj neniu en tuta mondo povos sklavigi vin. »

Tiu ĉi letero, aperinta en la gazeto de C. R. Das « Free Hindostan » falis sub okulojn de juna Hindo laboranta en Sudafriko kiel leĝisto. Lia nomo estis Gandhi. Ĝi frapis lin kaj li skribis al Tolstoj en 1909 por peti permeson traduki lian leteron. Samtempe li rakontis al li pri sia propagando kaj paca batalado — jam dekjara — laŭ la evangelia spirito de Tolstoj.

La granda rusa verkisto sendis al li sian fratan benon por la « batalo de mildeco kontraŭ krudeco, de humileco kontraŭ fiero kaj perforto. » Li legis la anglan eldonon de *Hind Svaraĝ*, senditan de Gandhi. Poste lian biografion li ankaŭ legis. Unu monaton antaŭ sia historia forkuro al soleco kaj morto, Tolstoj skribis al Gandhi (7 Septembro 1910) la jenan leteron, kiun Romain Rolland konsideras kiel lian spiritan testamenton:

« Mi ricevis vian gazeton *Indian Opinion* kaj mi ĝojis ekscii tion, kion ĝi raportas pri absolutaj Ne-rezistantoj. Venis al mi deziro esprimi al vi la pensojn vekitajn ĉe mi per tiu lego. Ju pli mi vivas — kaj ĉefe nun, kiam mi klare sentas alproksimiĝon de morto — despli forte mi bezonas esprimiĝi pri tio, kio tuŝas plej vigle mian koron, pri tio, kio ŝajnas al mi super ĉio grava: Nome tio, kion oni nomas Ne-Rezisto estas fine nenio alia ol la instruo de la leĝo de amo, ne aliformigita per mensogaj interpretaĵoj. Amo, aŭ alivorte la sopiro de l'animoj al homara komuniĝo kaj solidareco, tio reprezentas la superan kaj unikan leĝon de l'vivo... Tion ĉiu scias kaj sentas en la profundo de sia koro... »

« Tiu leĝo estis proklamata de ĉiuj saĝuloj de l'homaro: Hindaj, Ĉinaj, Hebreaj kaj Romanaj. Ĝi estis, laŭ mia opinio, plej klare esprimita de Kristo, kiu diris per netaj vortoj, ke tiu leĝo entenas la tutan Leĝon kaj Profetojn. Sed eĉ plie: antaŭvidante la aliformiĝojn minacantajn tiun leĝon, li almontris la danĝeron ke ĝin alisencigus homoj, kies vivo estas dediĉata al materiaj interesoj. Tiu danĝero estas, ke ili kredos sin permesataj defendi siajn interesojn per la perforto, rebati pro bato kaj repreni perforte·tion kion oni forprenis perforte, k.t.p. Jesuo sciis, kiel scias ankaŭ ĉiu racia homo, ke la uzo de perforto estas neakordigebla kun amo, kiu estas la plej alta leĝo de la vivo. Li sciis ke, se perforto estas allasata, eĉ en unu sola okazo, tuj la leĝo estas detruita. La tuta kristana civilizo, ŝajne tiel brila, elkreskis sur tiu malkompreno kaj evidenta kontraŭeco, stranga, foje intencita, sed plej ofte nekonscia... »

« En kristaneco la leĝo de amo estis donita klare kaj nete, pli ol ie ajn: la kristanoj ĝin solene akceptis, kaj tamen ili rigardis kiel permeseblan la uzon de perforto kaj fondis sian vivon sur perforto. Tiamaniere la vivo de la kristanaj popoloj iras en plena kontraŭeco inter ilia konfeso kaj ilia vivbazo, inter la Amo, kiu devas esti la leĝo de l'agado, kaj la perforto akceptata sub diversaj formoj... » Trad. Edm. P.

*Noto de l'Tradukinto.* — Ĉu la esprimo « Ne-Rezisto » estas komprenebla kaj taŭga? Interese estus ricevi opinion de slavaj samideanoj pri tio.

# SOCIA VIVO

## Kellogga Kontrakto kaj militŝipoj

de Liang-Ĉu-Vaj.

Estu nenia kaŭzo por miro en Usono ke la resto de la mondo efektive miris pri tio ke, en sama monato la Senato en Washington konfirmis la faman kontrakton Briand-Kellogg pri solena rezigno kaj kondamno de milito kaj voĉdonis leĝon por ekkonstrui dum tri jaroj dekses gigantajn militŝipojn. Estus multe pli mirinde se oni ne mirus en Azio kaj Eŭropo.

Tiu miro signifas, ke popoloj estas ankoraŭ pretaj akcepti bonajn novaĵojn esperplene kaj ke ilin ankoraŭ surprizas la krudaj faktoj de la realeco malgraŭ la oficiala skeptikeco kaj malfido de l'amasoj.

Por esti justa, necesas aldoni ke, se la usona senato malbonŝance voĉdonis la du aterojn unu post alia, multaj aliaj baldaŭ faros la samon — aŭ la similon — kun pli granda kaj pli lerta interspaco. Jen kial la Usonanoj miras pri nia miro.

Por multaj el ili la du ateroj tute ne kontraŭas unu la alian. Oni rezignas kaj kondamnas militon. Bone. Sed samtempe oni akiras novajn defendajn rimedojn por okazo se iu alia venus ataki. Tio signifas, ke oni ne fidas alies subskribon. Ĉiu faras tute la saman argumentadon: Ni rezignas serioze kaj solene. Ni invitas vin fari same. Sed eĉ se vi akceptos, ni ne kredos al via honor-parolo kaj ni mendos armilojn por nin defendi kontraŭ vi. Tiamaniere, anstataŭ unu garantio, ni havos du: via honesteco, se tion vi havas kaj, se vi ne havas ĝin, tiam niaj armiloj. Tio estas prudenteco. Pli saĝe du garantioj ol unu. Tamen en tia argumentado kuŝas unu granda, eĉ tre granda eraro: oni tute forgesas la efikon de sia sinteno ĉe la alia.

Kion devas pensi la alia? Car oni jugas lin iom suspekte, ne postulu, ke li sentu kaj agu alie. Li komprenebie argumentas jene: Tiu bona amiko aŭ najbaro rezignas militon, kaj petas min same promesi. Bonege. Tamen li aĉetas novan kvanton da armiloj. Li do volas konservi la povon militi sed malpermesi ĝin al mi. Ne tiom naiva mi estos. Tiam ankaŭ mi devos aĉeti novan armilaron por min defendi kontraŭ liaj eblaj intencoj.

K.t.p., k.t.p. sen halte kiel en la « Versaĵo sen fino » de Feliks Zamenhof en Fundamenta Krestomatio »: « Si nomis sin Heleno, Henrik' sin nomis li, k.t.p., k.t.p. sen fino. Neniam haltigeble. Iu rimarkis iam kiel foje malpraktikaj sin montris en esperantistaj aferoj homoj ege praktikaj en siaj privataj komercaj negocoj. Ĉu vi ne observas ion tute similan rilate al multaj ŝtatistoj? Ili tute ne scias — aŭ ne volas — apliki al interŝtataj aferoj tiujn regulojn, kiujn longa kutimo jam trudis al rilatoj inter homoj.

En ĉiu ajn tribunalo de la mondo juĝisto — iom sperta — diros al vi, ke kontrakto ne havas multe da valoro se ne kunekzistas almenaŭ ero de fido pri ĝia plenumo. Do subskribi kaj agi ĝuste kvazaŭ la kontrakto neniel utilus, tio egalvaloras praktike al ĝia tuja malfortigo. Kontraŭe se eĉ unu granda ŝtato estus forigintа 25 % aŭ 30 % de sia militbuĝeto subskribante la Kelloggan kontrakton, tiu ĉi estus ricevinta tuj grandan fortigon per tiu konfirmo *per agoj* multe pli grava praktike ol la jura konfirmo per parlamenta voĉdono. El tiu fortigo, kaŭzanta korespondan pligon de internacia sekureco la koncerna ŝtato estus profitinta samgrade.

Kio estis la celo de la Kellogga kontrakto? Nur trompi la popolojn, diras seniluziaj ĵurnalistoj. Garantii pli da sekureco al nacioj, respondas la instigintoj. Fakte ĝi estis provo trakti tiun problemon alivoje ol per la konata « Protokolo » voĉdonita en Ĝenevo ĉe la Ligo de Nacioj kaj neniam konfirmita de la ĉefaj grandpotencoj.

Tiu « Protokolo » projektis garantii sekurecon per tutmonda ĝenerala interpromeso de milita helpo al ĉiu nacio kontraŭ eventuala atako de alia. Ĝi celis forigi individuan militon per minaco kaj organizo de ĝenerala punmilito.

Oni ne forigas militon per preparo de milito, kritikis Amerikanoj, sed per rezigno je ĝi. El tiu principo devenis la propono pri la Kellogga ĝenerala kontrakto responde al la franca sugesto pri dunacia eterna pacdeklaro.

Tie aperas la plej granda kontraŭeco inter la sintenoj ĉe sama flanko. Kion oni riproĉis al la ĝeneva protokolo? Ke ĝi antaŭvidis unu specon de milito — la kolektiva — por malebligi ĉiujn aliajn. Nu en la teksto de la Kellogga kontrakto estas antaŭvidata neniu milito, sed en akompanaj deklaroj estas oficiale lasata ol ĉiu subskribinto la rajto de memdefendo kaj — multe pli grave — la rajto mem juĝi ĉu temas pri okazo de memdefendo aŭ ne. Samtempe la plej gravaj subskribintoj altigas sian militbuĝeton por pretiĝi al tiaj eventualaj okazoj.

Rezultas el tio, ke oni rajtas fari al tiu kontrakto similan riproĉon, kian faris ĝiaj instigintoj al la ĝeneva Protokolo: ĝi volas forigi militon kaj tamen lasas liberecon pri milito, eĉ pri du specoj de ĝi, laŭ la akompanaj deklaroj: la sindefendа (individua) kaj la sankcia (Ligo de Nacioj). Ĝi malpermesas nur unu specon: la militon kiel « ilon de nacia politiko ».

Ni ne diros, ke ĝi estas nenio, sed la valoro dependos de la sekvaj agoj. Arbon oni juĝas laŭ la fruktoj. Se la celo estis kreskigi en la mondo la senton de internacia sekureco, la barometro pri la sukceso estos sendube la grado de armiteco de la diversaj subskribintoj. En tiu senco estas permesata trovi vere tro granda la modestecon de l'autoroj, kiuj mem decidas malaltigi la baromentron de l' sukceso jam de l'komenco per la plej okulfrapa signo de malsekureco imagebla: pligrandigo de militbuĝeto.

Tion mi diris jam al usonaj amikoj. « Vi tute eraras, ili respondis, ni tute ne sentas nin malsekuraj. Ni scias bonege, ke neniu en la mondo kuraĝus almiliti nin, sed ni ne akceptas ke iu ajn havu pli fortan ŝiparon ol ni mem kaj eĉ la Britoj konsentas pri la egaleco sur la maro. Por ke tiu egaleco regu, necesas ke ni kompletigu nian ŝiparon ĝis sama nombro kiel ili! Sed pro kio vi bezonas fari tiun elspezon? mi demandis. « Ĉar ni volas certigi, ne nur la defendon de nia teritorio, kiun efektive neniu minacas, sed la defendon de nia libera komercado sur la maro eĉ en tempo kiam vi, Eŭropanoj aŭ Azianoj, amuzos vin je viaj malspritaj militoj. Ni ne plu toleros, ke oni vizitu niajn ŝipojn aŭ malhelpu nian komercadon, se ni decidos resti neŭtralaj. Pri tiu ĉi punkto de la libereco sur la maro vi povus utile verki artikolon. » Eble venos okazo por tio.

**Opinio de Romain Rolland**

Responde al enketo pri paco kaj militservo, Romain Rolland skribis leteron en gazeto *Paca Revolucio*, kie li analizas la influon de la « pacleĝo » en budhista Oriento kaj en unuaj kristanaj tempoj. Jen paragrafo aludanta la Kelloggan kontrakton:

« La pacleĝo inter la popoloj estas necesaĵo. Kio estis antaŭ tri mil jaroj morala devigo en la konscienco de l'Pioniroj, tio fariĝis hodiaŭ nepra devigo por politiko eĉ plej realista: ĝis tia grado, ke ni ĵus vidis la oficialajn reprezentantojn de la plej konata imperialismo en Eŭropo kaj Ameriko devigataj solene proklami la « eksterleĝecon » de milito. Brila venko de la konscienco persekutata de l'forto, sole kovranta la terurajn ŝtatmaŝinojn, tion asertas la Ne-Perforto, la Gandhi-a prediko de « Ahimsa ». Certe, ni scias ke tiu « eksterleĝigo » de la milito subskribita de la mastroj de milito estas ankoraŭ nur sur lipoj, ne en la koroj. Ni scias ke tio estas ankoraŭ nur politika ŝajnigo, kiun la popoloj severe kontrolu. Sed laŭ la fama diraĵo « hipokriteco estas saluto al vero », ĉu sinceran, ĉu ne, la konfeson ni eldiris. Ni ĝin pasigos de la vorto al la ago. »

**Konkurso por Kongresa Insigno**

La LKK, Budapest aranĝas novan konkurson por kongresa insigno — ne glumarko —. Kondiĉoj. Emajla insigno kun la surskribo: XXI. Kongreso de Esperanto, Budapest 1929. La kvinpinta verda stelo devas superregi en la projekto. La insignon oni ornamos je silka rubando, nome: verda por eksterlandanoj kaj trikolora por hungaroj. Premioj P 40.—, P. 25.— kaj P 15.—. Anonimaj aŭ plennomaj projektoj estas sendotaj al la adreso: Paŭlo Tolnai, sekretario de LKK, Budapest VII. Bethlen tér 2.

**Templimo: la 15**

# LITERATURO

## Hunor kaj Magor

*(laŭ popola legendo)*

Julio BAGHY

Lulkantojn kantas la maljuna Azio. La eŭropaj nepoj aŭskultas la fabelojn de la avino. Primitivaj kantoj, naivaj fabeloj, lulantaj legendoj ŝvebas de buŝo al buŝo. Ili karesas la koron de la tro civilizitaj posteuloj kaj por momentoj malaperas la estanteco cedante sian lokon al la revomondo de la prauloj. La popolfantazio rememoras pri anstaŭhistoriaj tempoj. Forgesante pri nia plenaĝo ni fariĝu infanoj, aŭskultantaj la lulkantojn de la maljuna Azio.

***

Vivis iam, antaŭ multaj mil jaroj, Menrot, la Granda Ĉasisto. Kiam li prenis al si pafarkon kaj sagujon, tiam la arbaro eksilentis kaj la bizonoj de la vasta herboriĉa stepo mortotime atentis eĉ pri brueto de ventoskuita herbeto. Lia fulmrapida sago neniam celperdis la rifuĝantan cervon aŭ la aglon, flugantan en fiera alteco. Li estis la estro de sia gento, kiu vivis pace sub la multenombraj tendoj. Lian famon la buŝo de la stepo disvastigis en la tendaroj de la nomadaj triboj kaj oni honoris lin per superstiĉa respekto.

Menrot havis du filojn: Hunor kaj Magor. Iliaj kuraĝo kaj braveco ne estis malpli ol tiuj de la patro. Apenaŭ estis iom malpli ilia lerteco en la arto de la ĉasado kaj Menrot kun sincera kontenteco estis fiera pri ili, kiam al siaj viriĝintaj filoj li donacis apartan tendon por lasi ilin memstaraj. La junuloj profitis la liberecon kaj la buŝo de la stepo baldaŭ parolis nur pri iliaj heroaĵoj.

Iun tagon ili kune ekiris por ĉasadi. Subite sur erikejo, borderita de la granda arbaro, ĉe kristalpura fonto ili ekvidis neĝblankan belegan cervon. Momenton la mirakla aperaĵo subpremis en ili la ĉasiston. La pafarko restis pendanta sur la ŝultro kaj la sago forgesite kuŝis en la sagujo. Blanka cervo! Kiu vidis similan? Fine Hunor rekonsciiĝis kaj por kapti ĝin viva li eksvingis sian laĉon, sed jen, antaŭ la laĉo-ĵeto malaperis la primirita besto.

— Uf! Uf! — kriis la du fratoj kaj instigite de ĉasista pasio ili ekgalopis post la cervo, kiu jen aperis, jen malaperis antaŭ ilia vido.

Longe daŭris la persekutado. La ĉevaloj spirblove sekvis la cervon, kies piedoj apenaŭ tuŝis la teron. Ĝi kuregis kiel la vento. Supren sur monto, malsupren al valo, tra akvoj kaj arbetaĵoj, el densejoj en densejojn kondukis ilin la pelata besto kaj kiam la vesperiĝo jam purpuris ĉe la horizonto ĝi malaperis inter kanoj de marĉa humo. En la denson de la kanoj sur la marĉa humo ili jam ne kuraĝis sekvi la miraklan cervon. Ordinara homido certe pereus tie. Tiu cervo estis verŝajne sorĉpova por eviti la sorton de la subŝlimiĝo!

La nokto jam sternis sian nigran mantelon. Hunor kaj Magor staris senkonsolaj. Nek reen, nek antaŭen! Kion fari? Por ripozi ili deĉevaliĝis kaj sonĝante pri la vane persekutita cervo dormis sub la stelplena firmamento.

La postan tagon katenis ilin la beleco de la nekonata pejzaĝo. Ili neniam vidis tian belan. La tuta terpeco ŝajnis al ili paradiza insulo. La foliaro de la arbaroj estis pli ombrodona, la herbejo pli grase verda, la riveretoj, rapidfluaj kaj kristalaj, pli fiŝoriĉaj ol tiuj de la forlasita hejmo. El la kavetoj de la arboj gutetis la mielo de abeloj kaj sur la branĉoj proponis sin nekonataj fruktoj bongustaj. Benita terpeco! Eĉ la suno pli varme brilis! Ili decidis do reveni.

Sep tagojn, sep noktojn daŭris la galopado hejmen. Ho, tiel malproksimen ankoraŭ neniu kuraĝis forvagadi de la familia tendo de sia gento. La buŝo de la stepo jam flustradis pri sorĉaĵoj de malicaj arbaraj feoj, kiam ili alvenis sanaj, vivofortaj.

Post kelkaj tagoj ili, benitaj de la maljuna Menrot, siajn tendojn ligis sur la dorson de ĉevaloj kaj kun la multenombra ŝafaro ekmigris al la sopirata lando. Longajn semajnojn daŭris la vojaĝo ĝis ili atingis ĝin. En la nova patrolando ili oferis blankan ĉevalon al la nevidebla Hadur, kreinto de la stepoj kaj arbaroj, defendanto de la glora gento de Menrot kaj jen Hadur protektis ankaŭ ilin. La arbaroj liveris abundan ĉasaĵon, la herbejoj nutris la ŝafaron grasa kaj la du fratoj havis senzorgan liberan vivon.

Tamen en la fundo de la koro kaŝiĝis sopiro. Ofte ili sentis sin izolitaj, orfaj, senhejmaj. La kvinan jaron ili loĝis jam en la nova patrujo kaj tamen estis partoj de ĝi ne konataj antaŭ ili.

Foje dum ĉasado ili atingis valeton, ĉirkaŭatan de densaj arbetaĵoj. Tiun parton de la duoninsulo ili neniam vidis. La scivolo incitis ilin por esploro. Ili jam estis ekirontaj, kiam kantosonoj ŝvebis tra la arbara silento. Ili ekmiris kaj tre singarde proksimiĝante al la direkto de la anĝelaj voĉoj, ili ekvidis baldaŭ longan vicon de belegaj knabinoj, kiuj mano ĉe mano tenante sin, formis rondan ĉenon kaj dancadis. En la mezo de la gracia rondo, laŭ la dolĉa ritmo de la meledio, du riĉe ornamitaj knabinoj turnadis sin kun gaja laŭta ridado.

Ĉio ĉi ŝajnis sorĉa aperaĵo por Hunor gaj Magor. Certe feinoj de la arbaro dancadas tie en la lunlumigita valeto, ili pensis kaj kvazaŭ katenite al la tero ili longe admiris la ravan dancoludon. Subite la sennoma sopiro en fundo de ilia koro korpiĝis kaj la du fratoj fulmrapide deĉevaliĝis, kuris al la dancantaj feinoj. Hej, okazis tumulto, timkrioj, rifuĝo inter la surprizitaj belulinoj, sed Hunor kaj Magor ne atentis pri tio. Ĉirkaŭprenante kaj premante al si la du plej belajn el mezo de la dancorondo ili denove surĉevaliĝis kaj forgalopis.

Jam la matenaj sunradioj orumis la arbaron, kiam ili alvenis al la forlasitaj tendoj. La terurespriman rigardon de la du forrabitaj belulinoj jam mildigis nekonata sento, kiu kise karesis ilian tremante batetantan koron. Hunor kaj Magor estis ja belaj junuloj kaj ilia arda amo estis tiom sincera, ke la knabinoj post iom da tempo eĉ ĝojis pro la kontraŭvola edziniĝo. Precipe kiam ili eksciis, ke la bravaj edzoj estas filoj de la fama gentestro Menrot. Sed ankaŭ Hunor kaj Magor povis fieri pri la deveno de la edzinoj, kiuj estis la filinoj de Dula, la reĝo de alanoj.

La nevidebla Hadur benis la tendojn de la du paroj kaj la buŝo de la stepo baldaŭ disvastigis la novaĵon ĝis tendoj de Menrot, ke liaj filoj trovis feliĉon kaj li estas jam pli ol patro: avo de sanaj fortikaj nepoj.

Longan centjaron vivis la posteuloj de Hunor kaj Magor tie sur la duoninsulo de Krim kiel du frataj gentoj: hunoj kaj magjaroj. Poste ili ekmigris trovi novan patrolandon al la montaro Ural kaj de tie unue la hunoj ekiris al okcidento, poste, por retrovi la fratan genton, ankaŭ la magjaroj sekvis la saman vojon.

***

La Tempo superŝutis per sablo de la forgeso la postsignojn de la hunoj kaj rememoras pri ili nur la legendoj kaj la historio, sed la magjaroj okupinte la teritorion de la frata gento vivas en Mez-Eŭropo kaj kiel apudlima bastiono defendas la kulturon de Okcidento pli ol mil jarojn. Jen la lulkanto de Azio pri la deveno de la hungara nacio.

## Tri vitrajoj

de Edmond PRIVAT.

*Maldekstre.*

Vitro flava. Tra ĝi la suno verŝas riveron el oro en la malluman kapelon.

En verda mantelo Sankta Paŭlo elŝipiĝas. Kristanoj el Korinto bonvenigas lin sur kajo. Ĉirkaŭ la kapo, ronda brilo signas apostolecon.

Estas la tempo de l'unua predikado. Fervoro ŝvelas ankoraŭ la velon de l'haltinta boato. Tra la mondo iras voko. Trans maroj flugas vorto.

Frateco. Humilaj fiŝistoj vidis Lin. Malriĉaj homoj aŭdis la rakonton. En havenoj ĉirkaŭmaraj fondiĝis grupoj, malgrandaj, mokataj, fidelaj. Oni vivas per espero, ĉion metas komunen, helpas malfortulojn, honoras aĝulojn. Ĉiu grupano estas frato, ĉiu blankharulo patro, ĉiu knabeto filo. Ĉies.

Estas la tempo de l'entuziasmo. Vojaĝas apostoloj. Vizitas grupojn, Rakontas. Atestas. Amspirito lumigas vizaĝojn. Fido plenigas rigardon. Ne ĉiam homoj estos lupoj unuj kontraŭ aliaj.

La ĵetita parolo semiĝas al ĉiuj ventoj. Eliru el ŝipo, frato Paŭlo! Bonvenon en Korinto!

*Dekstre.*

Ruĝa vitro. Tra ĝi la suno verŝas riveron el sango sur la ŝtonojn.

En blua mantelo reĝo Klovis rajdas fiere. Brilas ora spado en regnestra mano. En ĉielo tondra de l'batalo fulmas kruco luma.

« *In hoc signo vinces* — Per tiu signo ci venkos »

Sub ĉevalo homaj korpoj kuŝas kun kapo detranĉita. Estas milito. Venos la tempo de l'oficialeco. Novan dion akceptas princoj por gajni venkon. Pintu al ĉielo gigantaj turoj de l'preĝejoj. Ĉe l'altaro tie la reĝoj surmetos la kronon. Sur la kapon ricevos oleon. En arbaro ŝtona de l'kolonoj genufleksos kavaliroj.

Benu, Benu niajn brakojn kaj armilojn!

*Ni batalos por la justo kaj la vero.*
*Ni batalos por la tombo de l'Sinjoro.*
*Ni batalos por la tero de l'prapatroj.*
*Ni batalos por trezoroj.*

Sub hufo de l'ĉevalo sango fluas de centjaroj al centjaroj.

*Centre.*

Blua vitro. Malhela. Tra ĝi la suno eĉ ne boras. Sur granda kruco nigra pendas ŝirita korpo. Sur la kapo, dorna krono mordas palan frunton.

En ruĝa mantelo soldato pikas ventron per akra lanco. La Filon de l'Homo homoj najlis malhonore. Por ke mortu kune la spirito.

Sed ne mortis la spirito. Tiam najlu denove! Per trompo-. Per misuzo. Per ĵuro.

*En nomo de frateco mortigu.*
*En nomo de amo malamu.*
*En nomo de kruco krucumu.*
*Ke restu eterna la bildo kruela.*

Cent jaroj pasis, mil jaroj pasis. Ĝi restas senŝanĝa, severa. Atesto pri l'konduto de l'homoj.

Maldekstre flava vitro. Tra ĝi la suno verŝas riveron el oro en la malluman kapelon. En verda mantelo Sankta Paŭlo elŝipiĝas... Estas tempo de l'unua predikado.

Dekstre ruĝa vitro. Tra ĝi la suno verŝas riveron el sango. Estas milito.

Centre blua vitro. Malhela. Ili krucumas Lin ankoraŭ.

# Tra la Libraro

**Originala romano. — Antologio. — Aliaj presaĵoj.**

S-ro H. Bulthuis estas naskema kaj idema. Post « Idoj de Orfeo » kaj « Idoj de Merkuro », jen ekvidas la lumon « Idoj de Cereso », sub la ĉeftitolo: *La Vila Mano.* Ties timigan aperon montras la kovrilo kaj ĝi ankaŭ sorĉas sur la kvin tutpaĝaj bildoj, plumdesegnaĵoj de T. Bottema. Nu! ankoraŭ multaj gedioj aŭ duondioj svarmis en Grekujo, do ne ekzistas motivo por ke la idaro ne multiĝu. La romanoj de Bulthuis iel similas unu alian; la loko, kie okazas la rakontataj faktoj, estas la norda parto de Nederlando, kiun la aŭtoro intime konas; ties teraspekton kaj homkutimojn li ame priskribas. Ankaŭ junulojn li prefere elektas, iliajn animojn konas kaj rivelas. Plie ĉiam kvazaŭ mirakle solviĝas la intrigo. Entute tiuj verkoj estas simplaj, boncelaj, naivaj kaj infanecaj en la bona senco de tiuj du vortoj; ili eble ne plaĉos al ŝatanto de amromano aŭ de filozofa studo, sed ili tuj kaptas la atenton de honestulo, logas preferanton de nespicita legaĵo, plenumas la deziron de bonvolulo, kiu ŝatas kiam virto estas rekompencata, atencoj punataj. Kaj malgraŭ, aŭ pro, tiu intencita limigo al modestaj medioj, tiuj libroj estas bonaj verkoj, kaj ankaŭ bonaj agoj. Kiu leginto de l'Vila Mano forgesos tipojn, kiel Dirk, la stulta knabo konstruanta siajn aerkastelojn, Paŭlo, la juna giganto, kruda sed nobla, Peĉjo Klakilo deklamanta sian ĉiaman dekantaĵon, Erasmus la poeto humiligita de sia edzino, Alings la sovaĝulo ruĝhara, kaj la aliaj. Kiom amuzaj la scenoj en la trinkejo, kiom nature pentrita la superstiĉo de l'kamparanoj. Konfesinte la kvalitojn de l'verko, kies preso kaj eldono ankaŭ laŭdindaj estas, ĉu necesas tamen diri, ke la mirakle retrovita alta deveno de Paŭlo ne estis nepra necesaĵo, ke eĉ ŝatante la lumon de falĉilforma luno, estas malfacile ĝui ĝin je noktomezo, ke vere restis tro da preseraroj, kelkaj eĉ ĝenaj pro ekesto de alia vorto (ekz: ni, kiom, banko, tuton, ili, tie, kuloj, anstataŭ ne, krom, benko, tutan, li, tiel, okuloj), des pli bedaŭrindaj en belaspekta presaĵo. Eble jes, ĉar flanke de la bonaĵoj, ankaŭ difektojn estas devo citi: eĉ la suno havas makulojn. Pli volonte ni aldonos, ke por ebligi la legadon al novlernintoj, vortareto, kun ĉiuj radikoj uzitaj ne troveblaj en Cefeĉ'a ŝlosilo, estas presata en aparta kajero kun vorttradukoj holanda, franca, angla kaj germana.

***

La publikigo de Kataluna Antologio, poste de Bulgara Antologio, montris sekvindan vojon. La *Belga Antologio*, Franca parto, eldonita okaze de la Antverpena Kongreso, similas la unue cititan per formato, amplekso, aranĝo, bela preso kaj zorga laboro. Jen bela volumo, inda je aĉeto, je vicigo sur breto en biblioteko. La kompilinto, S-ro M. Jaumotte, mem esperantigis multajn prozaĵojn kaj poemojn, trovis lertajn helpantojn por la ceteraj tradukoj; li ankaŭ ĉerpis el antaŭe aperintaj verkoj. La libro liveras unue noton pri franca lingvo en Belgujo, kaj historion de la franclingva literaturo en tiu lando, kiu, verdire, videble disiĝas de la pure franca literaturo nur dum la 19a jarcento. Tiujn studojn lerte kaj science verkis la kompilinto. La ĉefa parto de l'libro, kompreneble estas la Antologio, kiu nombras 45 aŭtorojn; ilin konigas konciza biografio kaj tradukitaj ĉapitroj, pli malpli ampleksaj. Se ni nur memorigas, ke inter la cititaj verkistoj estas romanaŭtoroj kiel Lemonnier, pensulo kiel Maeterlinck, poeto kiel Verhaern, oni tuj konscios pri la graveco de kunlaboraĵo, kiu honoras la partoprenintojn. Manko de tradukoj pri kelkaj franclingvaj esprimoj lasas erare supozi, ke nur parolantoj de

tiu lingvo legos la verkon. Ankaŭ mankas por ĉiu aparta teksto la titolo de l'fontverko. Persone, mi multe pli ŝatis legi la prozon, kie mi ofte retrovis la tutan sencon, eĉ la fluecon kaj stilan valoron de l'originalo, ol la versojn. La tradukintoj nepre volis rimigi ilin, kaj egaligi la silabnombrojn, celante pli ĝustan alfaron al la modelo; sed tiel oni ne kreas poemojn kaj pekas kontraŭ la esperanta versfarado, ne hazarde elektitan, sed truditan de la konsisto mem de nia lingvo. Tradukoj multe pli liberaj, sed kun regula ritmo, estas laŭforme malpli proksimaj al la originaloj, sed multe pli plaĉaj por nia orelo. Nu! tia rekreaĵo postulus poetojn pli ol tradukantojn kaj, malgraŭ ŝajno, unuaj estas maloftaj, kaj ne mendeblaj laŭvole.

***

La 4a kajero de Biblioteko Nova Kulturo enhavas bonan tradukon de nova prediko de l'Bulgara profeto Petro Danov pri la *Revekiĝo de la kolektiva konscio;* la moralaj altaj ideoj estas instruataj per alegoriaj laŭevangeliaj komparoj. Amu vian fraton, jen la ŝtono sur kiu konstruas la Blanka Frataro, la disĉiploj de l'profeto.

*Montecatini* estas Itala urbo konata pro kuracado per mineralaj akvoj. Bela gvidlibro, samtempe komerca informilo, vice priskribas la historion de l'urbo, ĝiajn akvojn, banojn, vidindaĵojn, ĉirkaŭaĵojn; la tekstoj itala kaj esperanta estas apudmetitaj kaj bildoj ornamas tiun novan logilon.

*La Manuale di Esperanto* por Italoj de B. Migliorini estas represata en dua eldono belaspekta, malkara, kun sia bona instrua parto kaj du vortaretoj Esperanta-Itala kaj Itala-Esperanta. Ĉio necesa kunigita.

Niaj anglaj samideanoj volonte kunportos en poŝo la beletan ledbinditan jarlibreton *The Esperanto Diary* 1929, samtempe kalendaro kun artikoloj, adresaro, lukse eldonita.

En Budapest, por prepari la 21an kongreson, aperis broŝuro hungare verkita de Kökeny Lajos: *A Magyarsag és az Esperanto.* Ĝi informas pri historio, nuna stato de l'Esperanto movado en Hungarujo, pri nia literaturo, pri la kongreso; ĝi estas kolekto da artikoloj presitaj dum 1928 en Hungara Heroldo.

G. S.

## Novaj Libroj

*La Vila Mano.* Idoj de Cereso. Originala romano de H. Bulthuis L.K. Ilustrita de Tjeerd Bottema. 1928. Eldono de N.V. Joh. Ykema's Uitgeverszaak, 'S-Gravenhage. — 300 (+ 16) paĝoj, 14 × 20 cm. — Prezo: broŝ: 2,75 fl., bind. 3,25 fl.

*Belga Antologio.* Franca Parto. Kompilita kaj kun literatura resumo de M. Jaumotte. Eldonita okaze de la 20a Universala Kongreso de Esperanto. Belga Esperanto-Instituto, 11, Kl. Hondstr. Antverpeno. 1928. — 292 paĝoj, 15 ½ × 23 ½ cm. — Prezo: ne montrita.

*A. Magyarság és Az Esperantó.* Kökény Lajos. A Hungara Heroldo Folyóirat Kiadasá. Budapest, 1928. — 32 paĝoj, 15 ½ × 23 cm. — Prezo: 60 filler.

*La revekiĝo de la Kolektiva Konscio.* Petro Dânov. El la bulgara originalo tradukis: Dian. Biblioteko Nova Kulturo, No 4. 1928. Atanas Nikolov, str. Car Iv. Ŝisman, 19, Burgas, Bulgarujo. — 24 paĝoj, 12 ½ × 19 ½ cm. — Prezo: 0,40 sv. fr. (Jarabono, 10 noj: 3.— sv. fr.)

*La Tajdo,* Liriko. N. Hohlov, 1928. Heroldo de Esperanto. Horrem bei Köln (Germanujo). — 64 paĝoj, 12 × 15 ½ cm. — Prezo: 1,20 mark.

*Montecatini.* Italaj Urboj. Ĝiaj mineralakvoj kaj grotoj. Turista kaj komerca gvidlibro, 1928. A. Paolet, Editore, S. Vito al Tagliamento (Italia). — 104 paĝoj, 12 × 16 ½ cm.

*Manuale di Esperanto* in dodici lezioni con due vocabolarietti. B. Migliorini. (2a eldono, 5a milo) 1929. A. Paolet, editore, S. Vito al Tagliamento. — 144 paĝoj, 12 × 17 cm. — Prezo: 3.50 Lir.

*The Esperanto Diary 1929.* British Esperanto Association, 142 High Holborn, London W.C. 1. — 172 paĝoj, 6 ½ × 10 ½ cm. — Prezo: sh. 1/6.

*General Language Course,* de Helen S. Eaton. International Auxiliary Language Association in the United States Incorporated. Prezo $ 1.25.

Jen bonega lernolibro el Usono, kiu celas instrui Esperanton laŭ tute nova metodo. La tekto estas traduko de libro en angla lingvo, « *George Washington Lincoln goes around the World* » de Margaret Loring Thomas, kun permeso de Thomas Nelson & Sons, New York. La klarigoj gramatikaj en la unuaj ĉapitroj estas en angla lingvo. Entute, 57 ĉapitroj prezentas la aventurojn de knabo, kiu vojaĝas ĉirkaŭ la mondo, de Novjorko al Panama. Vizitante diversajn landojn per vaporŝipo kaj aerveturilo, la knabo invitas aliajn infanojn akompani lin. Tiamaniere, ili konatiĝas ne nur kun fremdaj urboj kaj pejzaĝoj, sed ankaŭ kun la kutimoj kaj moroj de fremdaj popoloj. Ili ekkomprenas la internaciecon, kaj la veran fratiĝemon de alilandaj infanoj, kaj samtempe konscias pri la neutileco de landlimoj, k.t.p. Evidente la libro, kiun oni preparis precipe por junuloj, prave celas ne nur instrui Esperanton, sed ankaŭ Esperantismon. La juna lernanto, tre avide sekvos la « heroon » kun liaj akompanantoj kaj samtempe lernos pri geografio, historio, kutimoj, kaj ankaŭ pri la vera kunligiteco de la tuta mondo. Senkonscie li lernos akcepti la fakton pri egaleco de ĉiuj homoj. Eĉ pri grave, eble, de la ortodoksa edukista vidpunkto, li englutos kun la rakonto multe da lingvaj scioj, ĉar la verkintino, interalie, en la lastaj ĉapitroj ofte pritraktas radikojn Esperantajn, montrante ke ili ekzistas, ekzemple, en la angla, latina, franca, germana kaj hispana lingvoj. Tiel la lernantoj, kredeble, frue ekinteresiĝos pri fremdaj lingvoj, kaj ankaŭ ne nur pli bone komprenos sian propran sed pli bone ĝin parolos. Nur pro tio, eble, oni rajtas nomi la libron « General Language Course », anstataŭ « Esperanta Lernolibro ». Cetere, la libro estas tre bele presita sur bona papero; la ĝeneralaj klarigoj estas sufiĉe bonaj kaj ne tro ellaboritaj; kaj la eraroj malmultaj, plej parte presaj. Ekzemple p. 50 levi, to rise, anstataŭ levi, to raise. P. 84, malhela el anstataŭ malhela ol. P. 91 povas estis, anstataŭ povas esti. P. 106 tiu ĉi urbo similis anstataŭ similas. P. 115 kavĉulo anstataŭ kaŭĉuko. P. 131 iri jun anstataŭ iri kun.

*Esperanto,* a Lecture de A. Kenngott, M.A. (Universitato de Texas). Amerika Esperanta Instituto, 602, Seventh Street, Rockford, Ill, U.S.A. Prezo ne montrita.

Libreto en angla lingvo, 38 paĝoj. Tiu ĉi bonega propagandilo pritraktas Esperanton ĉiuflanke. Prezentante kaj la lingvon, kaj la movadon ĝi prave alvokas al la komercisto, vojaĝisto, kaj sciencisto, samtempe priskribante la utilecon de Esperanto al la sincera pacamanto. Konkludante la autoro invitas la leganton kunlabori kun li en « granda homaranisma aventuro por la gloro de la nuna generacio. »

Kun la nuna numero estas sendata n-ro 31 de la Bulteno de l'Internacia Labora Oficejo.

## "En Kinematografejo"

*Veturante en vagono*
*Sur kanapo lamrisorta*
*Vi elspezas pli da mono*
*Por vojaĝ' pli malkomforta,*
*Kaj vi ĝuas malpli ĝue*
*La pejzaĝon sub tunel'*
*Ol sidante senenue*
*En la kino sur fotel'!*

*Tie ĉi amuzaj scenoj*
*Pasas vigle sur l'ekran':*
*« Baptofest' ĉe indiĝenoj*
*Meze de Afganistan'. »*
*. . . . . . . . . . . . . . . . . .*
*Kun pianoakompan'...*

*Pli ol ĉarmo de l' pejzaĝo*
*Densa nokto de la kino*
*Vin instigas al vojaĝo*
*Ĉirkaŭ... via najbarino.*
*Sed jen aktuala sceno*
*Pasas vigle sur l'ekran':*
*« La kaptado de baleno*
*En la Norda Ocean'. »*
*. . . . . . . . . . . . . . . . . .*
Kun pianoakompan'...

*Kvankam peze vi oscedas*
*Am-alvoke tra l'silent',*
*Pruda najbarin' ne cedas*
*Al facila tent'!*

*Nun la lasta aventuro*
*Dum aŭtomobilveturo*
*De la fama komikul'*
*Harry Bull!*
*Li kondukas propramane,*
*Zigzagante kaj senplane*
*Grimpas sur la trotuaron*
*Kaj renversas ŝtupetaron,*
*Kiu falas kun pentristo*
*En butikon de spicisto,*
*Kie tima klientino*
*Svenas sur la margarino*
*Dum alia — ho hazardo! —*
*Peze dronas en mustardo!*

*La spicisto ekkoleras,*
*Tiajn ŝercojn ne toleras,*
*Tuj li kaptas energie*
*La pentriston, kiu ie*
*Kuŝis mute kaj sen movoj*
*En la kesto por la ovoj,*
*Kaj per trafa pugnobato*
*Lin resendas al la strato!*

*Intertempe Harry Bull*
*Ĉe proksima stratangul'*
*Evitante lanternfoston*
*Pasas sur vaganta hundo,*
*Kies li detranĉas voston*
*En la daŭro de sekundo!*

*Sed la hund' — el pura raso —*
*Opinias ĝin kolbaso*
*Kaj senplue, sen hezit',*
*Manĝas ĝin kun apetit'!*

*Tiam tremas tra la kino*
*Ventroskua ridgargaro...*
*Sed — la ĉarma najbarino*
*Havas voĉon de barbaro!*

*Sammomente — ne sen kaŭzo —*
*Eklumiĝas, estas paŭzo;*
*Lampoj lumas sunobrile*
*Kaj vi spertas nun facile,*
*Ke anstataŭ najbarino*
*Kun gracio kaj kun ĉarmo*
*Apud vi en tiu kino*
*Sidis... nur ĝendarmo...*

Raymond SCHWARTZ.

## Sprita Ĉefepiskopo

Kiel oni legis en ĵurnaloj, la okdekjara ĉefepiskopo de Canterbury, la estro de la anglikana eklezio, demetis la oficon pro aĝo — unuafoje en Historio — kaj ricevis diversajn honorojn. La elekto de lia anstataŭulo okazis laŭ la komplika tradicia kutimo neŝanĝinta depost longaj centjaroj, kaj lia « entronigo » sur la seĝon de Sankta Aŭgusteno fariĝis kun impona ceremonio en la antikva ĉefpreĝejo de Canterbury, antaŭ invititaj reprezentantoj de multaj aliaj kristanaj eklezioj.

Sed la stranga fakto estas ke la elektito estas D-ro Cosmos Lang, ĉefepiskopo de York. Estas ja konate, ke la ĉefepiskopoj de Canterbury (sude) kaj de York (norde) estas la du solaj en Anglujo kaj ke ili konstante disputis kaj eĉ malpacis tra centjaroj pri la supera aŭtoritato. Nur reĝa decido igis Canterbury ĉefa, sed York historie neniam akceptis la malvenkon.

Nun ĉefepiskopo de York pasas al Canterbury, kaj vice al York oni elektis D-ron Temple, episkopon de Manchester, unu el la plej altaj kaj dikaj viroj en Anglujo, samtempe konata filozofo. La entroniga ceremonio entenas antikvajn formojn tradiciajn: ekzemple la tuta ĉeestantaro enfermiĝas en la belega Yorka katedralo kaj la elektito devas frapi tri batojn kontraŭ la pordo por esti enlasata de la dekano.

Kiam D-ro Lang alvenis el York en Canterbury por sia entronigo, lin unue akceptis la urbestraro en la historia ĉambro de la urbaj komercistoj kaj metiistoj. En sia responda parolado al bonvenaj salutoj li aludis la malnovan historian bataladon inter la episkopoj de York kaj Canterbury. « Se iam la Canterburyulo en mi emos tro superi, li diris, mi zorgos ke la Yorkulo en mi tuj sidu sur la alian por tion malhelpi ». Efektive tia afero okazis ne nur bilde, sed fakte en fama historia sceno, kiam angla reĝo pretigis je sia dekstro seĝon por la ĉefa episkopo. Tiu de Canterbury rapide sidiĝis tien antaŭ ol lia kolego de York havis la tempon, sed tiu ĉi, volante ke tiu honorloko estu lia, simple sidis sur la alian je granda skandalo kaj amuzo de la kortumo.

« Nu, aldonis D-ro Lang, rakontante tiun historiaĵon al la urbestraranoj de Canterbury, tiuj el vi kiuj persone konas mian nunan posteulon en York bondeziru, ke tia akcidento ne okazu al mi, ĉar se ĝi okazus, mi simple ne povus elporti la ŝarĝon! »

# Rimo en Esperanto

## Problemo de la instrumentigo

II.

Post apero de la unua parto de tiu ĉi studo, mi ricevis kelkajn leterojn kiuj montris viglan intereson por la problemo. Kiom certaj leteroj kuraĝigis min, tiom du, tri el ili estis tre strangaj, eĉ riproĉaj. Tiel, pola samideano, perfekta esperantisto, riproĉas, ke mi instruas « kripligi » la belsonecon de nia rimo, kaj, kiel pruvon por sia kontraŭstaro, diras, ke ekz. la pola poezio evitas tion fari. Por ne vastigi tiun aferon ĝis iu polemiko, mi simple konsilas al la nomita samideano malfermi la sufiĉe por li aŭtoritatan libron de Jan Los « Wiersze polskie w ich dziejowym rozwoju », kie, (p. 453), li trovos, en la priskribo de la konata poeto Zygmunt Karski, jenajn rimojn: « flecista-Swistal » aŭ « orkiestrze-przestrzen ». Ĉe la modernaj polaj poetoj Tuwim aŭ Iwaszkiewicz mi ofte renkontis eĉ pli riskajn rimojn. Tial mi permesas al mi ĉesigi la diskuton. La afero estas klara.

Kelkaj samideanoj trovis, ke la temo, tuŝita de mi, estas tro « metia » kaj devas koncerni nur la poetojn mem. En tiu rimarko estas iom da vero, sed, ĝenerale, ankaŭ la publiko, ĉiam interesiĝas pri la mekanismo de la verso, por juĝi, kial tiu aŭ alia verso plaĉas aŭ malplaĉas. Por ĉiu inteligentulo estas necese koni, almenaŭ supraĵe, sian nacian lingvon, kiel mekanismon laŭleĝan, kaj la nacian poetikon, kiel artan funkcion.

Krom tio, estas eraro pensi ke la kulturado de la rimo ne influas la evoluon de la komuna vortaro, do de tiu vortotrezoro, kiu koncernas *ĉiun* ĝian uzanton. La rimo ja estas tiu fokuso, en kiu kolektiĝas la tuta beleco, esprimenergio kaj la senco de la versa frazo, t.e. de la verslinio. Estas klare, ke en ĝi koncentriĝas ankaŭ la tuta trafemo, spriteco kaj muzikeco de la poeto, kaj, aliflanke, el ĝi ŝprucas la koncentrigita centra impreso, kiu ĉe la leganto kronas la impreson de la tralegita verslinio. La franca poezio donas tiurilate brilegajn pruvojn. Talenta poeto ĉiam evitas trouzitajn, ŝabloniĝintajn vortojn por la rimoj; tre zorge kaj intuicie elektas li, kvazaŭ fosas aŭ tralumigas la tutan vortaron, kaj la lingvajn gramatikajn kombinojn, por trovi la plej decan, belan, ĝustan aŭ eĉ frapan vorton por la rimo. Neniu tiel funde konas kaj sentas la vortaron, kiel la vera poeto. Ĝi estas lia elemento, el kiu li konstruas. La lingvo ne povas morti, se la talentaj poetoj subtenas ĝin. Ne estas do vana tiu studado de la rimoj, kiun science faras kulturaj nacioj. Oni kolektas la rimvortojn, nombras kaj kvalifikas ilin, faras komparojn pri ilia uzo ĉe la diversaj poetoj. Unuvorte, ekzistas speciala scienca fako pri la rimoj.

Esperanto multe ŝuldas al la poetoj, rilate la vivigon de la vortaro. Ni rememoru la Majstron, kaj Grabowski, la poetojn de la unua periodo. Kiom da vortoj vive fiksiĝis en nia vortaro, ĝuste pro la lerta uzo por impresaj rimoj. Ni observu, ekzemple, nian Baghy, tiun plej abundan fonton de nia rimaro. Ni vidos ĉe li neordinaron persiston ekvivigi multajn vortojn, dormantajn en nia vortaro, jen per rekta, jen per metafora uzo. Ne la « ludo per la vortoj » troviĝas en tiu fakto. Tiel pensas nur tiuj limigituloj, kiuj serĉas en la poezio la sencon de la prozo. Ĝi estas « riska ludo pro la vortoj ». Tiel devas diri tiuj, kiuj serĉas ĉe Baghy la majstrajn « kiamaniere », « kiarimede ». Li ofte duonoferas la temon, riskas la mallertecon, aŭ eĉ ridindecon de la frazo, pro iu trafa vorteto, kiun li trovis, kiel piedpremitan kampan floron, kaj al kiu li volas doni eblecon vivi en pli fekunda, kulturita tero, sub la suno de ĉies atento. La poeto konscie faras la vojon pli facila por la aliaj.

Kiom da sufiĉe spertaj samideanoj senĝene lernis multajn novajn kaj tre bezonajn vortojn, nur traleginte kun atento « Preter la vivo » aŭ « Pilgrimon ». Estas multaj, kiuj mem ne scias la tutan valoron de tiu ĉi plej efika mnemonika rimedo, la rimo.

Kaj nun ni venu al la esenca temo de nia artikolo.

La rimoj viraj ne permesas fari tiujn radikalajn eksperimentojn, kiujn permesas la virinaj, ĉar la sola vokalo de la vira rimo estas portanto de la forta gramatika akcento. Nur iu speciala deziro de lertega poeto povas iafoje enkonduki per la uzo de « konsonanco » la tiel nomatan « artan disonancon », uzeblan ekzemple en versparo, enmetita en la versparon regulan: moro-ven' — oro-vin'. Ĉiu eĉ eta tonŝango de la vokalo estas tre sentebla en la vira rimo. Tre bonvena estas por ĝi la identeco de la tiel nomata « apoga » konsonanto, t.e. la konsonanto antaŭiranta la rimvokalon: ĉiFon' — plaFon. Mia opinie, ni devus tre atenti la apogon ĉe multaj niaj rimoj kun la apostrofita i' (el finiĝo: -io).

Laŭ la konstruo gramatika, la rimo vira plej ofte estas radikvorto, do ĝi pli esprimas *sencon*, dum la gramatikaj finiĝoj de la rimoj virinaj estas en la poezio kvazaŭ sona bufro aŭ ornamo. (Vere, kia diferenco de la senco estas inter la ideoj en «knab», aŭ « knabo » ?) Tial ĉe la poetoj mallertaj plej ofte la viraj rimoj portas en si ion « fuŝitan », ĉu pro la amasigo de la konsonantoj, kiuj ofendas la guston, ĉu pro la mallerta amasigo de la apostrofitaj vortoj. Ĉi tie nia percepto de la senco estas tiamaniere rekte frapita. Jen de kie originas la antipatio de kelkaj samideanoj kontraŭ la « senvostigo » de la vortoj en nia poezio. Esence tiu antipatio ne estas kontraŭ la perfekta 16-a regulo de nia Fundamento, sed kontraŭ la poetoj, kiuj fuŝas la sencon kaj belsonecon de nia lingvo.

La ĵus notitaj ecoj de la apostrofitaj viraj rimoj devigas min ree fari ekskurseton flanken. En unu el miaj privataj interparoloj kun sinjoro Leo Belmont, en Varsovio, kiam mi aŭdis la veteranan poeton diri, ke li preskaŭ ne trovas ian diferencon inter la pola metriko kaj rimado kaj tiuj de Esperanto, mi permesis al mi rimarki, ke, laŭ mia opinio, Zamenhof, per unu streketo apostrofa, faris la materian diferencon treege vasta inter la du versfaradoj. Dum en la pola poezio, kiu ne konas la apostrofadon, apenau 15 % da unusilabaj vortoj ebligas la virajn rimojn — Esperanto, pro sia apostrofeblo de la substantivoj, havas la virajn rimojn preskaŭ en la sama abundo, kiel la virinajn. Mi memoras, ke al tiu rimarko, la ŝatata poeto aldonis, ke li ne kaŝas, kiom malpli facila estis por li lia traduko de « Eŭgeno Onegin » el la rusa en la polan lingvon, do multe pli malfacila ol ĝia traduko en Esperanton, ĉar, kiel konate, la verslinioj de la nomita verko finiĝas intermite jen per virinaj, jen per viraj rimoj.

Konsiderinte ĉion tion, ni tre kontraŭstaru la bagateligon de la porrima apostrofado, ĉar en ĝi kuŝas neimagebla riĉaĵo de nia poezio.

Ĉe la asonanca kunrimigo de la samspecaj, aŭ parencaj *finiĝaj* (klaŭzolaj) konsonantoj en la vira rimo, oni devas pli atenti la fonetikajn leĝojn, koncerne la sonan klasifikon de tiuj konsonantoj. Ni povas sufiĉe facile rimigi: ruz'-rus' aŭ kret'-kred', sed malpli facile, aŭ eĉ tute ne, la: ruz'-mut'. Lertaj poetoj povus kelkafoje uzi la malsamkvantajn klaŭzolojn: lun'-lund', fon'-font', kor'-mort', sed certe ne en abundo, kaj ĉiam subordigante tiun esceptan rimadon al iu nepre emfaza aŭ sugesta bezono.

Interesa estas la rimado de la apostrofitaj substantivoj kun klaŭzolaj molaj sonoj nj' kaj ĉj', en la karesaj nomoj. Estas eble kunrimi: Antonj'-Bulonj', iom pli streĉe eĉ: paĉj'-plaĉ, sed jam tre riske: panj'-man'.

Sufiĉe tedaj kaj trouzitaj fariĝis la akuzativaj rimoj: min-vin-lin-sin, ktp.

Pozicion mezan inter la viraj kaj virinaj rimoj okupas ĉe ni la tiel nomataj rimoj « enklintikaj ». Ili estas transiro de la vira rimo al la virina, kiam la lasta unusilaba vorteto de la verslinio « sistoliĝas », t.e. perdas en la deklamo sian fortan akcenton. Bonegan modelon de tiaj rimoj prezentas la antaŭ nelonge aperinta en « Progreso » versaĵo de J. Baghy « Dormu mia kor' ». La enklintikaj rimoj tie estas reliefe multaj kaj originalaj: forviŝi — pri ŝi, per ŝi — verŝi, min do-blindo, falĉi — al ĝi (asonanco), formi-por mi, psalmi al mi, ŝturmi-nur mi, fine — ni-ne.

Kvankam en tiu multeco la enklintikaj rimoj iom ĝenas, ni povas akcepti ilin en unuopaj okazoj pro ilia variigo de la rima monotoneco. Same la spertoj de la proza stilo instruas nin, ke foje ni metas la fortan akcenton sur la helpan prepozicion aŭ alian vorteton, kiam la emfazo al ĝi gravitas; tiel ekz. en la konata lakonaĵo: « Kun ĝi, aŭ sur ĝi », estas pli bone meti la akcenton sur la prepoziciojn, ol sur la du « ĝi », kiuj tiamaniere « enklintikiĝas ».

Ĉu estas eblaj la rimoj daktilaj en nia lingvo? Laŭ ĝia severa fonetiko — ne, laŭ la pli libera metriko — jes. La daktila rimo en nia lingvo povas esti farebla nur per la enklintiko de la fina unusilaba vorto kun la antaŭiranta dusilaba. Kompreneble, la lasta unusilaba vorto tiam sistoliĝas, dum la skandado aŭ deklamado:

Ho, venu ĝoj' —
En lasta foj' —
Sur via sin'
Konsoli min...

Tre helpas la muzika akompano de tiuj versoj, kaj en la kantado tiuj enklintikaj daktiloj povas esti senriproĉaj. Zamenhof en sia « Al la reĝo » (F. Kr. 329.) uzas por la internaj daktilaj rimoj eĉ tri unusilabajn vortetojn, lasante la du lastajn el ili soni neakcentitaj kune kun la du malfortaj taktoj de la muzika melodio (ni diru, tiuj de « Wacht am Rhein » aŭ de « Gode save the King ») :

Vivu la reĝ' al ni...
Kun amo en la kor'...

Pli kaj pli popularaj fariĝas ĉe ni la rimoj « ekzotikaj », t.e. tiuj, en kiuj unu rimvorto estas en la Esperanto, kaj la alia en iu fremda ortografio. Tre lerte uzas tiujn rimojn nia fama satiristo Raymond Schwartz. Tiel en lia « Verdkata testamento » ni trovas: « Place Pigalle » (p. 86) multfoje rimita kun niaj propraj vortoj, same en aliaj lokoj: Kaj — Versailles, ver' — Folies-Bergères k.m.a.

Precipe la tiel nomataj vortoj « izolitaj » estas multfoje rimeblaj nur kun iu fremda vorto. Tio estas la vortoj, kiuj en nia lingvo ne havas dume la rimajn kunparulojn: vintr', monstr' sceptr' ktp. La bezono rimigi tiujn izolajn vortojn kondukas al spritaj inventaĵoj en ĉiuj lingvoj.

Laŭ la scienca esplorado de la verselementoj, oni konstatas ke la plensoneco de la koncerna verso dependas de la proporcio inter la kvantoj de la rimitaj kaj nerimitaj silaboj en ĉiu verslinio. Alivorte, ju pli malmulte da silaboj nerimitaj de iu verso estas akompanataj de la silaboj rimitaj, des pli la verso estas sonora. Tial oni diras, ke la rimo estas grava organiza faktoro por la belsoneco de la versoj. Tio kondukas al la neceso uzi ankaŭ internajn rimojn kaj asonancojn, por fari la verson ankoraŭ pli harmonia. Tiuj internaj rimoj estas aŭ konstantaj, t.e. trairantaj sisteme la tutan versaĵon (ekz. la konstanta « balada » rimo en « La Vojevodo » — F. Kr. 323) aŭ nur okazaj, kiam la poeto volas speciale instrumentigi aŭ poluri per likva harmonio certan lokon de sia versaĵo. Plej ofte la internaj rimoj staras kiel ĉefcezuraj vortoj, kvankam ne malofte ili estas kuplataj inter la fino kaj komenco de la versliniojn. Tiel en mia « Al la amikoj » (Konkordo) :

Ĉio vendas sin sen *veo* al la ora *araneo*,
Kaj *pereo* jam ne estas atendata time fin'...

Pruvante per la ekzemploj de la rusa poezio, mi volus iom defendi la kunrimigon de la samformaj gramatikaj, precipe de la participaj, rimoj. Ekz. ĉe la talenta rusa poeto K. Balmont ili estas uzataj por krei ĉe la leganto konstantan lirikan agordiĝon, dank' al ilia influe-monotona, tamen tre muzika ripetado en la sugestoplenaj vortoj. Ĉiuokaze ili estas rimoj plensonaj kaj por nomitaj celoj tre taŭgaj. Zamenhof multe ŝatis ilin kaj li ja havis artistan aŭdosenton.

La uzado de la rimoj ne al ĉiu poeto donas sin facile. Al sperta rimuzado oni venas per la ekzerco en la soleco de la poeta ĉambro, aŭ per ekzerco en la specialaj kunvenoj de la versamantoj. Ekzistas eĉ specialaj ludoj por rima ekzercado, ekz. la « burimeo » (france: bouts-rimes). Dum tiuj komunaj ekzercoj ofte aperas veraj perloj de la rimoj kaj vortludo [1]; mi memoras unu tian, el miaj « moskvaj » tagoj :

Finfine, finn' finne deklamis:
Pro vi, nova vin', ni dek lamis...

Por la « fosuloj » estas granda amuzo rimigi la vortojn, en la parolado sonantajn homonime: sur'diga — surd'ig'a, fil'ama — fi'lama, ĉi-ama — ĉiam'a, ĉiela (de ĉiel) — ĉiela, sen' tema — sent'em'a, kaj' — kaj, kma.

Por fini tiun ĉi longiĝintan studon — kiu servu nur kiel komenco por la samaj, skribitaj de la aliaj poeziamantoj — kaj kiel konkludon pruvan por miaj kontraŭuloj, mi donas la opinion de la klasika rusa poeto, grafo A.K. Tolstoj, kiu novatore kaj majstre enkondukadis la proksimumajn rimojn:

« La neplena ĝusteco de la rimo, en certaj limoj, ne nur ne timigas min, sed, miaopinie, ĝi povas esti komparata al la kuraĝa peniko de la artistoj de la venezia skolo, kiuj ĝuste per sia malekzakto, aŭ pli bone dirite, per malzorgemo, atingis la efektojn, kiujn neniam atingus iu Carlo Dolce, aŭ — por ne rememorigi pri tiu maliculo — la venezianoj atingis tion, kion Raphael ne povis atingi per sia perfekta pureco de la linioj. »

N. HOHLOV (*Moskva*).

[1] Jen, netradukeblaj rusaj rimludoj : « *Vot tak tema dla Sekspira — ŝol monaŝek s pira... Pasmatrika bratec v zerkalo. viŝ kak roju iskaverkalo.* » (Red.)

## Brita Sprito

*Transformo de diraĵo.*

Viro kiu nuntempe kaŝas sin malantaŭ virina jupo ne estas malkuraĝulo, sed sorĉisto.

*Divido de laboro.*

La koko krias, la kokino liveras la varon.

*Justa kaj prava.*

Oni ne povas plendi pri knabino, kiu elspezinte 30 ŝilingojn por paro da silkaj ŝtrumpoj, montras por 28 ŝilingoj da ili.

*La du klasoj.*

Estas du klasoj, tiu kiu laboras kaj tiu-ĉi kiu ĉirkaŭŝidas, parolas kaj klarigas kiel la laboro devus esti farota.

*Sukceso en la vivo.*

Kelkiu jam esperis postlasi en la sablo de l'tempo siajn postesignojn, sed fakte nur sukcesis envicigi siajn fingropremaĵojn en Scotland Yard.

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## Valencia

*Valencia, mi el fremda sudo venas el oranĝoflora land',*
*Valencia, kaj ĉi tie vende tenas oranĝflorojn al pasant'.*
*Valencia, mi ne estas amknabino nek en ombro kaŝas min'*
*Valencia, koron havas ciganino, koron kaj donacas ĝin.*

Rekantaĵo de Valencia, laŭ traduko de Raymond Schwartz.

*Valencia*, jam forgesita preskaŭ estas la melodo en nia rapidege vivanta tempo. Por rememorigi ĝin jen novaĵo kiu speciale interesas la esperantistojn. Al la Beleca konkurso en Parizo partoprenis kiel elektita belulino hispana.



Fraŭlino Pepita SAMPER

F-ino Pepita Samper, (Miss Espana) filino de nia ano S-ro Frederico Samper n-ro 19926 en Valencia. F-ino Pepita Samper mem estas esperantistino. Ĉu ni ne imitu kaj aranĝu konkurson de la plej bela esperantistino la ĉiujara kongreso ?

## Alvoko

Vizitu *Wiesbaden* okaze de la Internacia Konferenco por Turismo kaj Reklamo!

Konate, la Wiesbadena magistrato invitis per la wiesbadena loka grupo oficiale ĉiujn konferencanojn de la Internacia konferenco por Turismo kaj Reklamo. Laŭ la oficiala letero de la magistrato ĉiu konferencano havas senkostan eniron en ĉiujn vidindaĵojn de Wiesbaden, kaj la magistrato disponigas kelkajn urbajn oficistojn por la gvidado tra la belega « Kurhaus », la famekonata « Kochbrunnen », la pompa « Kaiser-Friedrich-Bad » ktp. Vespere, la magistrato okazigos festkoncerton en la salonego de la Kurdomo je senkosta eniro por la konferencanoj. Ankaŭ ekskurso kaj komuna tagmanĝo estas intencataj, tiel ke la ekskurso al Wiesbaden promesas esti tre valora pliriĉigo de la konferenco. Wiesbaden estas konate unu el la unuaj urboj, kiu uzis Esperanton je reklamceloj, kaj la lasta belega gvidlibreto, jam la tria eldono, estas multe demandita.

Ni do kore invitas ĉiujn konferencanojn kaj esperas je ĉiuflanka subtenado.

*La Loka Komitato:*
Ludwig JSTEL,
*Honora Membro de UEA.*

## La Faka Movado

Ni ricevas regule informojn pri E en la diversaj fakoj (komunikojn de fakaj societoj esp., kronikaĵoj, klopodoj intencataj k.t.p.) Por faciligi kontakton ni kunigas tiujn informojn sub la titolo « La Faka Movado ». Ni petas, ke tekstoj aperigotaj sub tiu-ĉi rubriko estu plej mallongaj, kaj skribataj per maŝino.

## Universitatanoj

Esperantista Universitata Federacio Franca havis kunvenon en Grenoble 27 Decembro 1928. La ministro por la Publika Instruado akceptis la honoran prezidantecon kaj reprezentigis sin de la rektoro de l'Akademio de Grenoble Sinjoro Guy. La malfermo okazis en la amfiteatro de la universitato. Ĉeestis 300 personoj. Paroladis rektoro Guy kaj S-ro Aimé Cotton, Membro de l'Institut de France kaj S-ro Cart, profesoro ĉe la lernejo por politikaj sciencoj en Paris, prezidanto de la Esperantista Akademio. Konvinke kaj elokvente la oratoroj montris la kvalitojn de Esperanto kaj ĝian jaman uzon en la Sciencoj. Dum la laboraj kunsidoj oni aŭdis raportojn de la delegitoj de la Univ. Federacio de Lille, Bordeaux, Toulouse, Lyon kaj Grenoble. Plie oni priparolis la programon de la agado dum 1929. La venonta kunveno okazos dum pentekosto. Loko ankoraŭ konigota.

(Laŭ A. P., Grenoble).



## INFORMA BULTENO N-ro 3

*Avantaĝo por frualiĝantoj.* — La kongreskarto rajtigos al partopreno de festkunsidoj, koncerto, teatra vespero, ktp. La lokojn ni rezervigos laŭ la enveno de la kongresaliĝo, do kiu aliĝas pli frue, ricevos pli bonajn lokojn.

*Somera Universitato.* — Proponojn de univ. profesoroj, scienculoj por partopreno ni povos ankoraŭ konsideri laŭ ebleco.

*Oficialaj kunvenoj.* — Pri ĉio, kio koncernas la tagordon de la oficialaj kunvenoj de la kongreso, oni bonvolu senpere skribi al « Internacia Centra Komitato de la Esperanto Movado » 12. Boulevard du Théâtre, Genève.

*Pri ne kongresaj aferoj :* Ĝeneralaj informoj, korespondado, serĉoj, ktp. turnu vin al la koncerna loko (Fremdulioficejo, delegito, loka societo ktp.) ne al LKK !

Flagoj, naciaj kostumoj. — Ni jam nun petas la partoprenontojn, ke ili kunportu naciajn kaj esperantajn flagojn por elmeti ĉe ilia loĝejo aŭ porti dum promenado demonstracia. Ankaŭ la nacian vestaĵon, kiu havas, bonvolu kunporti ne nur por la kostumbalo, sed ankaŭ por porti dum kelkaj okazoj, promenadoj, malferma kunsido, ktp. Nacia konstumo, precipe en Hungarujo, seriozigas la festenojn, fantazia havus kontraŭan efikon !

*Teatra vespero.* — Oni projektas tri unuaktajn teatraĵojn. Unu originalan drameton de Baghy, unu viglan kun muziko kaj unu komedieton. Ni ripetas, la pli bonaj sidlokoj estos rezervataj laŭ alveno de la aliĝoj.

*Blindula kongreso.* — Estos memstara kaj zorgas aparte pri siaj membroj. Ni nur anoncas, ke ties partoprenontoj ricevos plenan gastigon de blindul-institutoj kaj la kongreso de la blinduloj — okaze de la 25-a jubileo de la blindula Esperantomovado — jam nun montriĝas, kiel plej granda ĝisnuna laŭ la aranĝoj kaj laŭ la nombro de la partoprenontoj !

*Karavanoj.* — Oficialajn karavanojn aranĝos — kun ĉiuj elspezoj enkalkulotaj — UEA kaj ankaŭ la Esperanto-Fako de *R. Mosse*, Berlin.

La Esperanto-Fako de la firmo Rudolf Mosse, Berlin, aranĝos alkongresan karavanon konsistontan el du partoj. La unua parto foriros la 28a de julio vespere el Berlin (aŭ la 29-an matene el Nürnberg), kaj ĝia vojo kondukos tra Linz kaj de tie sur Danubo ĝis Wien (partopreno en la Antaŭkongreso), fine de Wien ĝis Budapest ree sur Danubo. La dua parto foriros la 30-an de julio posttagmeze el Berlin (aŭ Dresden) per fervojo ĝis Wien (Antaŭkongreso) ; de tie ĝis Budapest kune kun la unua parto sur Danubo al Budapest. Pro detalaj informoj oni turnu sin al Rudolf Mosse, Esperanto-Fako, Rudolf Mosse-Haus, Berlin SW 100.

La grupo de *Linz* dumvoje deĵoros ĉe la ŝip- kaj fervojstacioj por helpi pretervojaĝantojn kaj prizorgi tiujn, kiuj deziras resti tie. (Interesiĝantoj skribu al Dir. Karl Wanneck, komerca del. de UEA, Linz. a. D. Weisssenwolfstr. 31.

*Rabatoj.* — Vizorabatoj, favoraj prezoj sur la ŝipoj kaj vagonaroj hungaraj jam promesitaj, sed la pritraktado ankoraŭ ne finiĝis, ĉar ni esperas atingi la eblan plej altan rabaton kaj nur post la fikso de la % ni sciigos la detalojn.

*Adreso por korespondaĵoj & telegramoj:*
Esperanto-kongreso, Budapest.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-RO PANTALEON MARIVELA antikva kaj fervora samideano, kunfondinto de la loka grupo en Cordoba, Hispanujo. Jan. 1929.

F-INO E. JEBB, Anino de UEA 32138 en Genève.

S-INO OLYMPE BOUVIER, Anino de UEA 33950, edzino de nia Delegito en Poix (Somme, Francujo), S-ro Louis Bouvier, Honora Merbro de UEA.

S-RO RINALDO GIUSEPPE RENI, patro de nia Delegito en Verona, S-ro Amerigo Reni.

F-INO CAMILLA NAGEL, membro de Esp. Asocio en Dresden, Februaro 1929. (Laŭ « Sciigoj » N-ro 2).




Sinjoro ELWORTHY †

S-RO ROBERT ELWORTHY, edzo de S-ino Maria Elworthy-Posenaer, Anino de la Organizaj komitataj lokaj de l' Sepa kaj de la Dudeka kongreso en Antverpeno. (Septembro 1928.)

S-RO CHARLES EDW. COWPER, F.B.E.A., Deal, 80 jara, Ano de UEA de ĝia fondo n-ro 2055, unu el la fondintoj de la Brita Asocio. Ĝis lasta momento kunhelpis al la brita movado por utilaj konsiloj. (30. I. 1929.)

D-RO ERNST KLIEMKE, Prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio kaj MA de UEA en Berlin mortis sekve de operacio 20 de Februaro 1929. (Nekrologo sekvos en la venonta numero.)

*Sinceran kunsenton!*

# En kelkaj linioj...

*** Bonegan propagandon faris la Brusela Grupo al vizitantoj de kinematografejoj. En la bulteno de « Loew Metro-Presse », propaganda organo de kinematografio, senpage disdonata en multaj kinematograf-teatroj belgaj, ĝi publikigis la Intervjuon de Fred Niblo kun niaj amikoj en Los-Angeles pri la parolanta filmo.

Tiamaniere kelkaj miloj da kinematograf-vizitantoj estis informitaj pri tiu problemo, kiu de tago al tago fariĝas pli urĝa kaj aktuala. I.C.K.

# Universala Esperanto - Asocio



Centra Oficejo:

12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis

**Oficiala Informilo**

Administra jaro 1929. N-ro 5. Marto 1929.

*Al la membroj de UEA.*

Post tri jaroj de funkciado, nia ĝisnuna Prezidanto, S-ro D-ro Privat rezignis sian oficon. En la nomo de nia Asocio mi esprimas al li tutkoran dankon por lia multa laboro, por la sukcesoj de li atingitaj kiel brila reprezentanto de la esperantista ideo, kaj ĉefe por lia profunda amo al nia lingvo, kiu, vibrante en liaj paroladoj kaj skriboj, ĉiam instigis nian kuraĝon. La okupo de altaj postenoj al li konfiditaj kaj okaze amike altruditaj tiom eluzis liajn fortojn, ke grava malsano lin devigis fordoni la gvidon de nia Asocio. Feliĉe li konsentis resti Komitatano kaj daŭrigos kiel redaktoro de nia gazeto, meti siajn grandajn kapablojn je la dispono de la Esperantistoj. Al nia amiko, kiu tiom varbis, batalis kaj suferis por Esperanto, ni sincere deziras baldaŭan resaniĝon.

Al la Komitato de UEA ne estis eble anstataŭ S-ron Privat de same eminenta persono. Ĝi do simple petis lian antaŭulon en la ofico ke li reprenu la ŝarĝon. Nur kontraŭvole mi ree akceptis tiun malfacilan postenon sub novaj cirkonstancoj, sentante la oferon necesa pro fideleco al la Asocio. Tial mi denove staras en loko kiun siatempe mi forlasis kun la titolo de Honora Prezidanto kaj garantiita libereco resti flanke de la negocoj, kiel onklo en granda familio. — Mi salutas la malnovajn kunlaborantojn kaj esperas akiri per rekta regado la konfidon de la novaj. Estas mia deziro kunigi la spertojn de la lastaj jaroj kun la metodoj de zorga administrado kiu kreis la bonfamon de nia Asocio. Ĝia tasko, internacie organizi la laboremajn Esperantistojn por la uzo de la lingvo en ĉiu sferoj de la vivo, estas tiom decida por la prospero de la tuta movado, ke ĝi daŭre okupu la centron de nia atento. En UEA la lerninto de la lingvo trovu la plenumon de la promesoj pri ĝia uzebleco; nia Asocio estu spirita fervoja sistemo rekte kaj malmultkoste interrilatante la Samideanojn. Por ke tia sistemo precize funkciu, ĉiu ofichavanto, de la Direktoro al la plej juna Delegito metu sian honoron en konsciencan plenumon de sia laboro, laboro modestaspekta, okaze teda, kaj tamen ĝojiga se oni konsideras ĝin el alta vidpunkto. UEA, la organismo servanta, distingiĝu per la seriozeco de siaj metodoj kaj gajnu la aprobon de la Esperantistaro per siaj rezultoj.

Kompreneble nia retaro da internaciaj rilatoj ne estas firmaĵo, sed devas esti daŭre adaptata al la novaj bezonoj. El tiuj bezonoj la necesaj estos konsiderataj, dum pri ĝenerala plivastigo de la agadkampo ni restu singardemaj ĝis perfekte funkcios la nunaj servoj kaj estos atingata la egalpezo de la financoj. Certe ne mankas la laboro, nek al ni, nek al la aliaj societoj, tial ekzistas nenia kaŭzo disputi pri ĝi inter Esperantistoj. Mi varme subtenas la saĝajn admonojn de S-ro Merchant, la nova Prezidanto de la I.C.K. kaj certigas lin pri la preteco de UEA je paca kunago por la komuna bono.

La membrojn de UEA mi deziras speciale atentigi, ke niaj aranĝoj, nia tuta zorgo kaj penado restos vanaj sen ilia daŭra intereso kaj varbado. Nia fervojo ne estas profitiga entrepreno, ĝi ne povas ekzisti se vi pensas je ĝi nur okaze de malofta vojaĝo. Bonvolu do montri solidarecon, daŭrigante vian aliĝon eĉ se vi rekte ne profitas, por ke la aliaj ĝuu ĝiajn servojn; montru fidelecon al via Asocio, kiu ja estas tiom necesega por la internaciaj rilatoj esperantistaj kiom la naciaj societoj en sia teritorio. Konsilinda en la nunaj ciskonstancoj estas ankaŭ kvanteto da pacienco kun la tro ŝarĝita Centra Oficejo, kaj iom da prudento kontraŭ malseriozaj informoj. Ĉefe restu konsciaj ke UEA estas via propra afero, ne tiu de la Komitato. Vivu kun ĝi, vigligu ĝin per via simpatio, per viaj konsiloj aŭ motivitaj plendoj, se io ne estas en ordo. Bonvolu varbi tiom da novaj membroj kiom vi povas, por ke la Jarlibro, la gazeto, la servoj povu esti perfektigitaj kaj novaj aranĝoj kreataj.

Per forta ,multnombra UEA ni starigu faktojn kiuj pruvos al la mondo la venkon de Esperanto, la lingvo vivanta.

Kun samideanoj salutoj.

Bern, la 15an de Februaro, 1929.

*La Prezidanto:* Ed. STETTLER.

*Statistiko de la Membraro.* — Je la fino de monato Januaro 1929 la nombro de personoj pagintaj la kotizon por 1929 estas: 18 HM (Helpmembroj) ; 1.166 M (Membroj) ; 2.977 MA (Membro-Abonantoj) ; kaj 365 MS (Membro-subtenantoj). Sume: 4.506.

*Movado de la korespondaĵoj.* — De la 1a de Novembro 1928 ĝis 31 Januaro 1929 la Centra Oficejo ricevis 2.496 poŝtaĵojn kajforsendis 4.290. Sume: 6.786.

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio la Dumvivan Membrecon al UEA:

Atesto: Dua Serio

| | |
|---|---|
| Antaŭa sumo ........................ | 8.700.— |
| 30. S-ro Takuma Tanigaki, Tientsin ........ | 300.— |
| Sumo ....................Fr. | 9.000.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas tricent Frankojn svisajn, pageblajn poparte dum daŭro de tri jaroj. La atesto de Garantia Kapitalo de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva ricevo de la gazeto Esperanto kaj de la jarlibro ankaŭ de eblaj aliaj oficialaj eldonaĵoj de la Asocio.

*Korekto de preseraro.* — Bonvolu korekti la ciferaron de la anoj de UEA aperintan en Ofic. Inform. Januaro, paĝ. 14, dua kolono « Enspezoj ». La nombro de M devas esti 2.400.

*Atentigo.* — Ni sciiĝis pri la sendo de flugfolioj titolitaj « Un appel anglais désire réprimer les mensonges de la guerre », — Ein englischer Aufruf gegen die Kriegsschuldlüge —, al Delegitoj de nia Asocio kaj personoj kies adresoj aperis en la Jarlibro de UEA. Kiel eldonanto aperas sur la folioj « Deutsche Fichte Bund » e. V. Hamburg 36, Colonnaden 47. Ni rimarkigas ke tiu ĉi uzo de nia adresaro okazis nedemandinte nin.

*Membro-Abonantoj.* — Ni rimarkigas ke la venonta numero de « Esperanto » estas sendata nur al tiuj MA kies realiĝon ni ricevis ĝis 25 Aprilo. En landoj kun servo de enkasigo perpoŝta la aprila numero estos sendata kun poŝta repago. Al la kotizo de MA mi aldonas ĉ. 10 % por la kosto de l'enkasigo. Ni petas bonvolan akcepton de nia sendaĵo. Prefere estus eviti al la Oficejo tiun laboron kaj koston — sendante tuj la kotizon por 1929. Koran dankon al ĉiuj!

Genève, 25a de Februaro 1929.

HANS JAKOB, *Direktoro de UEA.*

**Novaj Delegitoj.**

(En lokoj kie ne estis *D*)

*Afritz* (Aŭstr.) D : Fino Antonia Listner.
*Bad Pyrmont* (Germ.) D : S-ro O. Fr. Weitzig, Schillerstrasse, 30.
*Bandoeng* (Nederl. Ind.) D : S-ro George L. Blot, Pasirkaliki, 85.
*Berkeley* (U.S.A. Calif.) D : S-ino E. Pavid, 801 San Diego Roald. VD : S-ro Carl Claesson, 1329 Bonito Ave.
*Burgas* (Bulg.) D : S-ro Atanas Nikolov, Str. Car Ivan Sišman, 19.
*Cannon Falls* (U.S.A., Minn.) D : S-ro Fletcher R. Hall.
*Castellazzo* Bormida (Ital.) D : S-ro Giuseppe Carassa.
*Chesterfield* (Britl.) D : S-ro Harry Ingham, 20 Abercrombe Street.
*Courbevoie* (Franc.) D : S-ro R. Arnould, 43, Rue du 22 Septembre, Bécon-les-Bruyères.
*Dürnstein* (Aŭtr.) D : S-ro Hans Schwieger, Weissenkirchen No 12 en Wachau.
*Durlach* (Germ.) D : S-ro Eugen Gültling, Beethovenstrasse, 8. III.
*Enghien-les-Bains* (Franc.) D : S-ro Célestin Rousseau, 32 Grande Rue.
*Feilding* (N. Zélando) D : S-ro Samuel Andrew, Denbigh Square.
*Fontenay-sous-Bois* (Franc.) D : S-ro Léon Belhoste, 8, Rue Albert 1er.
*Gainesville* (U.S.A. Florida) D : S-ro Eli J. Johns, University of Florida.
*Grajewo* (Pol.) D: S-ro Abram Gelfand, ul. Pilsudskiego, 12.
*Kokemäki* (Finl.) D : S-ro Martti Suominen, redaktoro.
*Ljugarn* (Sved.) D : S-ro Axel Uno Hultin.
*Loviisa* (Finl.) D : F-ino Olga Ihander, Nyl. Trâv. And.
*Millaŭ* (Franc.) D : F-ino G. Enjalbert, 4, Rue de la Capelle.
*Mohorn-Grund* (Germ.) D : S-ro Gerhard Knabe, Grund, Dresden-28-Land.
*Mollet* (Hisp.) D : S-ino Sara Ullastres, Str. Luis Durăn, 66.
*Myslowice* (Pol.) D : S-ro Walenty Jamrozy, ul. Oderskiego 3. VD: S-ro Izydor Czypionka, Szabelnia, 10.
*Neisse* (Germ.) D : S-ro Carl Lorenz, Oben-Mährengasse, 17.
*Neukirchen* (Germ.) D : S-ro Max Benedix, Gartenstadt Str. 40 K.
*Newark* (U.S.A. New Jersey) D : D-ro William Benson, 518 Broad Street. Benson School of Eperanto.
*Nieuwpoort* (Belg.) D : S-ro Léon Braet, Rue Longue, 6. VD : S-ro Paul Huyhebaert, Canal de Furnes à Nieuport.
*Niigata* (Japan.) D : S-ro Takezo Yokota, 2, Suido-dori, Niigatashi. VD : S-ro Takeo Masaki, Niban-cho, Asahi-machi, Niigata-shi.
*Pando* (Urugvajo.) D: F-ino Felicia Acosta.
*Perugia* (Ital.) D: S-ro Nazzareno Bocciolo, Via della Pietra, 2, C. Garibaldi.
*Pestszentlörincz* (Hung.) D: S-ro István Puskás, Rókay Arpád u. 78.
*Popovo* (Bulg.) D: S-ro Ivan Jord Markov.
*Quincey* (Franc. Côte d'Or) D: S-ro Arthur Ratouillat.
*Sandberg* (Germ.) D: S-ro Paul Scholz, Schulstrasse, 10, Waldenburg-Sandberg.
*Schmiedeberg* (Germ.) D: S-ro Karl Ziesche, Friedrichstrasse, 43.
*Sóller* (Hispan.) D: S-ro Miquel Arbona Oliver, San Pedro, 2.
*Thionville-Basse-Yutz* (Franc.) D: S-ro Willy Miller, 40, Rue de la Moselle.
*Tirnovo* (Bulg.) D: S-ro Ivan Nenkov, ul. Vazstaničeska, 1122.
*Valby* (Danmark.) D: S-ro Paul Lendorff, Overbyes Allé, 38.I (Kopenhago).
*Weisswasser* (Germ.) D: S-ro Arthur Schnabel, Friedrichstrasse, 4.
*Wolbrom* (Pol.) D: S-ro Tolek Mitelman, Bank Kupiecki.

***La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD, agas provizore.***

**Ŝanĝoj.**

Angora (Turk.) D: S-ro Hilmi Celil Bey, Direktor des Messingwerkes, Kirikkala ap Angora.
*Athènes* (Grekl.) VD: S-ro Petro Douzinas, Hermesa Str.
*Bahia-Blanca* (Argent.) D: S-ro Vicente Orlando, Str. Alsina, 257.
*Bamberg* (Germ.) VD: S-ro Hans Staudt, Kunigundendamm, 34.I.
*Baza* (Hisp.) D: S-ro Emilio Castellano, Plaza Mayor 8.
*Bello Horisonte* (Brazilo) D: S-ro Joã Vianna, Rua Grão Mogol 197.
*Berlin* (Germ.) Distr. 9-11. D: S-ino Anna Martin, Baŭtzenerstrasse, 58. W 50.
Vidĉefd: F-ino Margarete Glaser, Stromstrasse, 68.
*Bielsko* (Po.) D: D-ro Julius Haas, ul. Kolejowa, 11.
*Binghampton* (U.S.A. N.Y.) D: S-ro Willy Sieler, 5, Livingston Street.
*Braunau* a. Inn (Austr.) D: S-ro Johann Haselbauer, Zeughausplatz, 2.I.7.
VD: F-ino Kathe Haselbauer, Zeughausplatz, 2.I.7.
*Breslau* (Germ.) VD: S-ro Hans J. Plehn, Bahnhofstrasse, 21.
*Bruxelles* Oriento (Belg.) VD: S-ro Raymond Brihay, 44a, rue de l'Orge.
*Bruxelles* Nord Okc. VD: S-ro Lodewijk Bas, 72, rue Paul Michiels, Jette-St-Pierre.
*Castrop-Rauxel* (Germ.) D: S-ro Franz Schmidt, Gartenweg, 15.
*Eibenstock* (Germ.) D: S-ro R. Schône, Reutersweg, 9.II.
*Ellefeld* (Germ.) D: S-ro Karl Meinel, Falkensteiner Str. 203.
*Falun* (Sved.) D: S-ro Gustaf Ad. Henriksson, Engelbrektsgatan, 8.
VD: S-ro Ernst M. Ström, Stenslund, Box 236.
*Fé, Santa* (Argent.) D: S-ro Carmelo Liguori, M. Candioti 3362.
*Freiberg* (Germ.) D: S-ro Erich Hölscher, Sachsenhofstrasse, 10.
VD: S-ro Karl Spitzner, Dammstrasse, 26.II.
*Görlitz* (Germ.) D: S-ro Gerhard Langner, Dresdnerplatz, 4.
*Gotha* (Germ.) VD: S-ro Dr. Adolf Schwerdt, Lützowstrasse, 1.
*Grimsby* (Britl.) VD: S-ro R.J. Yarworth, 18, First Avenue, Nunsthorpe.
*Hamburg* (Germ.) Komerca D: S-ro O. Ed. Zwecker, Gröningerstrasse, 11.Hbg.8.
*Herne* (Germ.) S-ro Joseph Kolle, Strünkeder Strasse, 66.
*Hilversum* (Nederl.) D: S-ro J.F.E. vin Römer, Zijtak. 11 Laren.
VD: S-ro Dreves Uitterdijk, Hyacintenlaan, 1.
*Hirschberg* (Germ.) VD: S-ro Fritz Thasler, Fichtestrasse, 9.
*Karlsruhe* (Germ.) D: S-ro Karl Lamm, Karlstrasse, 93.
VD: S-ro Friedrich Helfers, Kriegsstrasse, 154.
*Kortrijk* (Belg.) VD: S-ro Paul Goethals, Beheerstraat, 77.
*Le Locle* (Svisl.) D: S-ro Maurice Perrenoud, rue Alexis M. Piaget, 31.
*Leobschütz* (Germ.) D: F-ino Gertrud Anders, Kreuzstrasse.
*Mantova* (Ital.) D: S-ro Fernando Zacche, Ponte Molini, 27.
*Miskolcz* (Hung.) D: S-ro Lajos König Sándar tér, 8.
*Moravsky Krumlov. Vémyslice* (Č.S.R.) D: S-ro Matej Dubsík, Mestanská škola.
*Neunkirchen* (Saar.) VD: S-ro Fritz Sutter, Prinz Heinrichstr., 4.
*Newcastle* (Brit.) D: S-ro Frank V. Taylor, Technical College.
*Niklaas, St.* (Belg.) VD: S-ro Max van Ghendt, Wegvoeringstr. 75.
*Oelsnitz* (Germ.) D: S-ro Erich Wohlrab, Lauterbacher Strasse, 5.
*Oulunkylä* (Finl.) D: S-ro J.N. Mikkola, instruisto.
*Peštera* (Bulg.) VD: S-ro Anastas Mihajlov.
*Port Saïd* (Egipt.) VD: S-ro Georges Kaschab, B.P. 17.
*Potsdam* (Germ.) D: S-ro Paul Herrmann, Kottmeierstrasse, 3.
*Recklinghausen* (Germ.) D: S-ro Fr. Dreiskemper, Blitzkuhlenstrasse, 30.
*Ried* i. Innkreis (Aŭstr.) VD: S-ro Wilhelm Soukup, Bahnhofstrasse, 20.
*Rumburg* (Č.S.R.) VD: S-ro Jan Zemek, No 25.
*Ruse* (Bulg.) D: S-ro Ivan Kotov, Str. Car Simeon, 3.
*Schweidnitz* (Germ.) D: S-ro Joh. Zuckschwerdt, Maragaretenstrasse, 9.

*Semarang* (Java) D: S-ro Tjong Hie Liem, Karangtoeri, 66.
*Sevilla* (Hisp.) 1-a VD: S-ro Luis del Valle Guisado, Biblioteca de la Universidad.
*Stockholm* (Svedl.) D: S-ro Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan, 6.
*Stryj* (Po.) VD: F-ino Erna Zimand, ul. Batorego, 11, c/o Sino R. Katz.
*Tamsweg* (Aŭstr.) D: S-ro Rupert Gruber, poŝtoficejo.
*Trutnov* (Ĉ.S.R.) D: S-ro Frant. Dvorák, Nova ulice c.4.
*Udine* (Ital.) D: S-ro Giov. Della Savia, Via di Mezzo, 18.II.
*Vaasa* (Finl.) VD: S-ro Eemeli Helminen, Rantak, 12. Kom. D: S-ro Antti Rahkola.
*Vallorbe* (Svisl.) D: S-ino Emma Marchand, Eterpaz, 45.
*Winnipeg* (Kanada) VD: S-ro Samuel A. Adams, 521, Rathgar Ave.
*Wurzen* (Germ.) VD: S-ro Arthur Hamm, Schöttgenstrasse, 16.
*Zaragoza* (Hisp.) VD: S-ro José Orós Jimeno, poŝtoficejo.

En la jenaj lokoj ne plus estas delegitoj:
Bécon-les-Bruyères, Franc. — Belfast, Irl. — Breda, Nederl. — Chaumont, Franc. — Coomassie, Brit. Afriko. — Gualba, Hisp. — Homburg, Germ. — Iserlohn, Germ. — Kretinga, Litov. — Madison, U.S.A. — Mellilla, Maroko.

*Statistiko de la delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 25 Januaro 1929 ........ | 1.672 Lokoj |
| Lokoj forstrekitaj de l' 25.I.-25.II.1929 | — 21 » |
| | 1.651 » |
| Novaj lokoj .................... | + 41 » |
| Forstrekitaj pro nepago de la kotizo 1928 kaj intertempe revenintaj .......... | + 10 » |
| Je la 25.II.1929 UEA kalkulis delegitojn en .................... | 1.702 » |

## Esperantista Parolejo

### Oni dankas

La estraro de la Akademia Legejo — Akademische Lesehalle — en Berlino kore dankas la administraciojn de jenaj esp. gazetoj por afabla regula alsendo: *Esperanto*, Esperanto Katolika, Germana Esperantisto Katolika Mondo, La Movado, La Rejna Stelo, Unuigita Tuthomaro. La administracioj de aliaj gazetoj estas petataj sendi sian gazeton senpage. Adreso: Akademische Lesehalle, Berlin N.W. 6, Albrechtstrasse 11.

Okaze de mia 85a naskiĝtago la Universala Esperanto-Asocio sendis al mi belegan florbukedon de siringo kaj diantoj. Ĝi aldonis varmajn gratulvortojn. La estraro ankaŭ afable dankis por mia helpo. Mi ja vere tuj komprenis la praktikan kaj malegoistan metodon de UEA. Nur uzante ĉitiun metodon ni povas efektivigi la noblan ideon de nia majstro Zamenhof.

Kun sincera danko. Marie HANKEL.

### Oni laŭdas

S-ro Georges Sirkis, Ano de UEA en Kairo esprimas plej koran dankon pro grava kaj delikata servo dum alveno en Parizo plenumita de S-ro Warnier kaj S-ro Hély, anoj de la Pariza Esperantista grupo.

S-ro Henry W. Hetzel, UEA Komitatano kaj Delegito por Philadelphia, Usono, kore dankas la Delegitojn kaj aliajn samideanojn kiuj afable gastigis kaj aliamaniere helpis lin dum lia vojaĝo tra Eŭropo la pasintan someron. Precipe li volas citi S-rojn J. H. Krestanoff (Paris), Ed. Spielmann (Bern) kaj Josef Baŭer (Innsbruck); D-ron kaj Fraŭlinojn Mayrleb, Ges-n Ludwig Siedl (ĉiujn en Vieno) kaj Ges-n Woensdregt (Hago). Denove evidentiĝis la helpemeco kaj bonkoreco de la verdsteluloj!




de la Komisiono por Radio-Statistiko, Komisiita de I.C.K. Kunmetita de J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben N-L, Germ.

*La tempo estas tiu de Meza Eŭropo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua.

*Mallongigoj:* K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov. = Novajoj.

DIMANĈO
* 07.00. — *Moskva*, 1.450. — K. Nov. — 60 min.
13.00. — *Minsk*, 949.6 m. — K. — 60 min.
08.25. — *Langenberg*, 462,2 m. — Aachen, Köln, Münster. — P. K. — 30 min.

LUNDO
18.00. — *Kiev*, 775 m. — K. — 30 min.
19.00. — *Bern*, 406 m.; *Basel*, 1.010 m. — K. — 30 min.
19.50. — *Kaunas-Kovno*, 2.000 m. — P. — 10 min.
* 22.00. — *Moskva*, 1.450 m. — N. — 30 min.

MARDO
19.15. — *Minsk*, 946,6 m. — P. — 30 min.

MERKREDO
16.30. — *Ĥarkov*, 1.680 m. — K. — 30 min.
18.45. — *Wien*, 519,9 m., Innsbruck, Klagenfurt, Linz. — P.: S-ro Smital. — 10 min.
19.00. — *Bruselo*, 511,9 m. — K. — 30 min.
19.30. — *Oslo*, 496,7 m. — Hamar, Fredrikstad, Rjukan, Porsgrund, Notodden. — 30 min. — K.
20.00. — *Wilno*. — P. — 25 m. Ĉiun tan 83 m. Mk.

JAŬDO
19.15. — *Kaunas-Kovno*, 2.000 m. — Informoj. — 5 min.
19.30. — *Madrid*, 426,7 m. — K. — 30 min.
21.00. — *Paris*, P.T.T., 449,8 m. — K. — 15 min.
21.40. — *Lille*, P.T.T. Nord. — N. — 5 min.

VENDREDO
16.30. — *Ĥarkov*, 1.680 m. — K. — 30 min.
18.00. — *Stuttgart*, 374,1 m.; Freiburg. — 10 min.
18.05. — *Leipzig*, 361,9 m. — P. Laboroj kaj ideoj de D-ro Zamenhof. — 15 min.
19.15. — *Stuttgart*, 374,1 m.; Freiburg. — K. ĉiuna duan vendredon.
19.50. — *Zürich*, 489,4 m. — P. — Ĉiun 2an vendredom. 10 min.
20.00. — *Tallinn-Reval*, 408 m. — 5 min. — Nov. pri Estonio.
20.35. — *Genève*, 760 m. — P.: S-ro Bouvier. — K. — 10 min.

SABATO
* 18.25. — *Breslau*, 321,2 m. *Gleiwitz*, 326,4 m. — P. — 10 min.
18.55. — *Königsberg*, 280,4 m.; *Danzig*, 455,9 m. — P. — 5 min.
21.15. — *Bruselo*, 511,9 m. — 5 min.
21.00. — *Lyon-La Doua*, P.T.T. — P.

SENREGULAJ DISSENDOJ

*Frankfurt*, 421,3 m.: Kassel. — Par: S-ro Wischhoff. — 30 min. — K laŭ la lernlibro de Degen kaj K laŭ Unua Legolibro de Kabe.

*Nürnberg*, 240 m.: München, Augsburg, Kaiserslautern. — Kp. — Par: pri diversaj temoj ĉiun dekan tagon, plej ofte lunde aŭ jaŭde, 19.00 h. — Par: A. Starke. — 30 min.

ESPERANTO KAJ RADIO-GAZETARO.

En la januaro-numero ni povis sciigi, ke grandaj germanaj radiojurnaloj publikigas la Esperanto-Radio-Programon. Nuntempe ni ricevas informon, ke ankaŭ la pola nacia radio-gazeto « RADIO » aranĝis Esperanto-angulon kaj regule represas la Esp.-Radio-Programon kaj aliajn gravajn informojn et la Esp.-movado. Ankaŭ « World Radio » la grava angla radio-gazeto starigis komence de januaro rubrikon pri kaj en Esperanto, instruante la lingvon kaj publikigante alilandajn informojn pri disaŭdigoj en Esperanto.

* Bonvolu kontroli laŭ la programo de la sendstacio.

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Adony* (Hungarujo). — S-ro Lajos Balint, direktoro de ŝparkaso, PI, bfl., k.ĉ.l. belajn kolorigitajn kaj popoltipojn. Deziras korespondi kun partoprenontoj de la 2la kongres.

*Albert Park S. C. 6 Melbourne* (Aŭstralio). — S-ro Max C, Schmidt PI, momentfotojn L K. ĉ. l. Nepre respondos

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. A. Zilver, 95 Damrak, PM., malrespondas bagatelojn.

*Antverpeno* (Belgujo). — F-ino J. Baumen, Maasstraat 43 (Dam) L., PI., k.ĉ.l.

*Beograd* (Jugoslavio). — S-ro A. Matekovic, libropresisto, foto Saric Knez Mihajlova 21, L, PI kun samideanoj el Meza kaj Suda Ameriko, precipe el Kolombio pri fakaj kaj sociaj temoj.

*Boras* (Svedlando). — S-ro Clas Nilsson, Box 128, PM eŭropajn laŭ katalogo Yvert kaj Zumstein 1929.

*Bratislava* (Cehoslovakio). — S-ro Emil Ott, ekskapitano, Gyurkovicsgasse 8 a, PM, k.ĉ.l.

*Brescia* (Italujo). — Gestudentoj dez. kor. kun Japanujo, Britlando. Usono. Adr. Preside Regio Istituto Magistrale- Via Tosio.

*Brescia* (Italujo). — Gelernantoj supera kurso de Esp. dez. kor. kun skandinavaj, baltaj, ekstereŭropaj ŝtatoj.
Adr. : Istituto Fascista di Cultura-Via Umberto I-9.

*Brescia* (Italujo). — Instruistinoj dez. kor. pri virinaj manlaboroj, Adr.: Frno Jole Zaini-Scuole Elementare Via dei Mille. Norvegujo, ekstereŭropaj landoj.
Adr.: Frno Jole Zaini-Scuole elementare Via dei Mille.

*Clermont-Ferrand* (Francujo, Puy de Dôme). — S-ro G. Brosselin, 90 rue des Chanelles, PM laŭ Yvert kun progresintaj filatelistoj. Ne sendas unue, ĉiam respondas. Korespondas france, angle, hispane, portugale, esperante.

*Erlbach b. Markneukirchen* (German). — S-ro Erich Konrad, violonkonstruisto, L, PI pri seriozaj temoj Ĉiam respondas.

*Gateshead-on-Tyne* (Brit.). — S-ro Thomas Pattinson, 20 Grasmere Street, L., PI., jurnaloj elĉerpajoj.

*Glasgow* (Skotlando). — S-ro John M. Baxter, Glenshee Stepps, monatajn gazetojn anglajn ekz. Strand, London, Royal k.t.p. kontraŭ similaj gazetoj (1 RM) germanaj.

*Görbersdorf in Schlesien* (Germanujo). — S-ro Max Jung, muzikisto, PI. PM k.ĉ.l.

*Hirschberg* (German. Schlesien). — S-ro D. Franz, Warmbrunnerstr 27, L., PI k.ĉ.l. Fotoj kun junaj fraŭlinoj. Ciam resp.

*Kortrijk* (Belgujo). — S-ro Paul Goethals, Beheerstraat 77, L., PK., P.I. prefere koloritaj, k.ĉ.l. ĉiam respondas.

*Kortrijk* (Belgujo). — S-ro Karel Nijs, Vaartstraat 45, deziras interŝanĝi P.I., PM., kĉl., ĉiam respondas.

*Lübeck* (German.). S-ro D-ro Albin Möbusz, Falkenstrasse 12, serĉas poŝtajojn afrankitajn per maŝinstampajoj, ne per PM. Li donas kontraŭe PM, esp. sigelmarkojn k.t.p.

*Malmö* (Svedlando). — S-ro Albert Cronquist, Rosenlund 31, PI.

*Malmö* (Svedlando). — S-ro Oskar Lindberg, 14 Engelholmsgatan, PI.

*Malmö* (Svedlando). — S-ro S. A. Svensson, Altonagatan 3, L., PI.

*Markneukirchen* (German., Sachsen). — S-ro Karl Sommer, Stadtbank, e PI., K. ĉ. l. Ĉiam resp.

*Montevideo* (Urugvajo). — S-ro Arturo Daneri, skulptisto, L., K., nur kun artistoj pri belartoj. Str. Blandengues 1691.

*Paris IV.* — S-ro Georges Sirkis, 6 rue dOrmesson, L PI bfl. fotajo k.ĉ.l.

*Petriĉ* (Bulgar.). — S-ro D. Januŝev, komercisto, PI., L., gazetoj

*Petriĉ* (Bulgar.). — S-ro Miltijadi Filipov por kurasnoj prefere laboristaj, PI., L.

*Petriĉ* (Bulgar.). — S-ro Georgi Andreev, bulgara soldato, L., PI., bfl. precipe kun fraŭlinoj ĉ. l. krom Ruslando.

*Ristiina* (Finnlando). — S-ro L. I. Lappi, PI K.ĉ.l. certe respondos. Ne interŝanĝas PM.

*Stockholm.* — F-ino M. Thompson, F-ino H. Lanar, L, PK, kun kleraj personoj 4. F. v. B.

*Tarrasa* (Hispanujo). — S-ro Josefo Ballbé, str, Infant Marti 48, L., PI.

*Tarrasa* (Hispanujo). — S-ro Fortiano Matabosch, Quemada 28-i-la, L., PI.

*Tarrasa* (Hispanujo). — S-ro Enrique Salvador, Carretera Rubi 127, L., PI.

*Tarrasa* (Hispanujo). — S-ro Juan Puigbo, San Juan 38, L., PI.

*Tarrasa* (Hispanujo). — S-ro Pere Puijado, Arquimedes 247, L., PI.

*Tarrasa* (Hispanujo). — S-ro Francisco Vila, Carretera Rellinas 44, L., PI.

*Tarrasa* (Hispanujo). — S-ro Ramon Closa, Viveret 128, L., PI.

*Tarrasa* (Hispanujo). — S-ro Jacinto Vila, Carretera Rellinas 44, L., PI.

*Tarrasa* (Hispanujo) S-ro Pere Surralles, Wadt 40, L., PI.

*Tarrasa* (Hispanujo). — S-ro Josefo Casanovas Mina 49, L.. PI.

*Tarrasa* (Hispanujo). — F-ino Angela Escursell, P. Font 39, L., PI.

*Tarrasa* (Hispanujo). — F-ino Antolina Boada, Castellet 5 (S.P.) L., PI.

*Tarrasa* (Hispanujo). — F-ino Paulina Armengol, Garcia Humet 25, L., PI.

*Torino* (Italujo). — F-ino Cotto Adriana, Corso Duca Genova 1, ne plu povas daŭrigi korespondadon. Al ĉiuj sendintaj PK respondos tamen per PI.

*Utrecht* (Nederlando). — A.L.v.d. Broeke Hambargerstr. 16, serĉas vendadresojn de egiptaj tukoj.

*Villa de Nevoso-Bistrica* (Italujo, Venezia Giulia). — S-ro Milan Hreŝĉak, L, PI, bfl. Al kiu mi ŝuldas respondon bonvolu sciigi min.

*Warrington* (Anglujo). — S-ro F. L. Martin, Belvoir, Stanley Ave., Gt. Sankey, por anoj de la Penteth-a Esp. klaso, L., PI., k.ĉ.l.

*Zaragoza* (Hispanujo). — S-ro Rafael Gaston, Paseo Sagasta 12 entresuelo, PI, L, k.ĉ.l. (Por kelkaj samideanoj kiuj nepre respondos.)


# ESPERANTO

**REDAKCIA INFORMO**

La redakcio resendas manuskriptojn se tio estas postulata de la verkinto. Lasta tago por aperi en la numero de la venonta monato estas la 15a sub la kutima rezervo de disponebla loko. Respondecas pri artikoloj ĝeneralaj la subskribinto, verkinto aŭ tradukinto. Pri la enhavo aŭ celo de reklamoj ni ne akceptas respondecon. Estas principe malakceptataj reklamoj kaj tekstoj kiuj povus malutili al la bonfamo de la Asocio kaj de ĝia gazeto.

La abonoj komenciĝas en januaro. Estas akceptataj nur tutjaraj abonoj. Simpla abono kostas 10 Frk. sv. sen favorprezoj. Aperintaj numeroj estas postsendataj.

**ADMINISTRA INFORMO**

Unu numero: 1.— Frk. sv. pagebla per respondkuponoj
Koresponda anonceto (maksimume dek vortoj) 1.25 Fr.
Anonceto (Petoj kaj Proponoj) dek vortoj 2.00.

Reklamo: Tuta paĝo 200.— Frk. 1/2 paĝo 100 Frk.
1/4 paĝo 50.— Frk. 1.8 paĝo 25 Frk.
1/16 paĝo 12.50 Frk. 1/32 paĝo 6.25

Rabato ĉe plurfoja enpreso de sama anonco laŭ interkonsento. Al makleristoj rabato de 20 %. — UEA: Simpla membreco 5.— Frk. Kun la gazeto ĉe samtempa aliĝo 12.50 Fr.k., Subtenanto: 25 Frk. sv., Dumviva Membro: 300 Frk. sv.

## Petoj kaj Proponoj

**INTERNACIA KOMERCO**

*Astrologo hinda.* — Faras horoskopojn. Prezo lo belgajn frankojn. Nanjee Sindhwad, Boulevard du Strop 307, Gent. Beelg.

*Eltrovajo.* — Por grava eltrovajo mi bezonas laŭ ĉiuj kondiĉoj fleksebIan vitron. Samideanoj bonvolu sciigi min pri en-aŭ eksterlanda fabriko. Jos. Michalsky, del. de UEA, Spiš. Nová Ves. z. XIX. Ĉehoslovakio.

*Erizipelo.* — Mi petas konsilojn escepte hirurgiajn, kiel kuraci erizipelon sur frunto de maljunulino. Mi tuj danke respondos al ĉiu konsilanto. Nikolao Blumbergs Dzelzeelu Virsvalde, istaba 116, Riga, Latvio.

*Filatelistoj.* — Sendu al mi per rekomendita letero 100-300 PM kaj mi sendos al vi PM je la sama valoro laŭ Yvert. — Halvor Christensen, juristo Ringköbing, str. Tangsvej, Danlando.

*Fotografajoj.*, de la XXa Universala kongreso de Esperanto en Antverpeno. Cent diversaj bildoj. Aĉeteblaj ĉe Wl. Golosow, Chmielna 8, Warszawa Pollando. Prezo de unu ekz. 0.11 Dolar.

*Gramofondiskoj.* — Novaj gramofondiskoj en Esperanto eble la plej bonaj ĝis nun fabrikitaj. Aranĝitaj de Profesoro Findlay kaj eldonitaj de la Gregg Publishing Co. Ltd. Ne tro multekostaj. Petu senpagan prospekton ĉe la solaj agentoj, British Esperanto-Association 142 High Holborn, London W.C. 1. Anglujo.

*Hejmlaboro transilvania saksa.* — Siebenbürgisch-sächsischer Hausfleiss- laborajoj de transsilvaniaj saksoj. Mendoin akceptas S-ino L. Reimesch, Honterushof 7, Brašov, Rumanio.

*Kongreso-partopreno.* — 26 jara inteligenta malriĉa tajloro intencas partopreni la 2an kongreson kaj de tie viziti Aŭstrion, Germanion. Petas helpon sed ne monhelpon (Laboro, loĝejo). Rekompense vi povas ĉe mi veni por la sama tempo kiel mi ĉe vi. Emeriko Leb, Oršova II. (Rumanio)

*Libertempojn* malmulte kostajn internaciajn en Belgujo kaj Francujo dum julio aranĝas la Brita Esperantista Asocio, 142 High Holborn London W. C. 1. Por sempagaj detaloj skribu tuj al tiu adreso.

*Poŝtmarkojn bulgarajn vendas:* Serio por niaj militkajtitoj (za našite plennici) 2 kompletajn seriojn kontraŭ unu franko svisa aŭ egalvaloro. Rabato ĉe mendoj de pli ol dek serioj. Asen Grigorov, str. Ohrid, 80, Sofia, Bulgarujo.

*Poŝtmarkoj.* — « Janjina-Dalmacio S.H.S., A. Marinović delegito de U.E.A. Serĉas en ĉiuj landoj seriozajn filatelistojn por reciproka intersanĝo de P.M. precipe maloftaj. Ne sendas unue sed tuj respondas.»

*Senpage* mi sendas al ĉiu petanto unu numeron de esperanta Biblioteko « Nova Kulturo . Skribu al Sava Kalimenev, Sevlievo Bulgar.

*Unuiĝo Terglobŝtato.* — Al terglobŝtato tra la ponto de Esperanto. — Programon sendas senpage : Luersen, Gelsenkirchen Ossenerstrasse 4. Germanujo.

**P. T. T. istoj**

**Poŝtistoj, Telegrafoficistoj, anoj de UEA. Partoprenu la fakan movadon kaj aliĝu al la Faka Societo al la Internacia Ligo de Esp. Poŝtkaj Telegrafoficistaro (ILEPTO). Adreso : R. J. Filliatre, 28, rue de l'Agent Dufraine, St. Cyr l'Ecole (France)**



PRESEJO A. GRANCHAMP ANNEMASSE.